*Dua periodo* — *OKA JARO* — *N-ro 2. 1938.*

# Literatura Mondo

KUNLABORAS

D. APPLEBAUM, JOHN ATKINS, H. W. ALINGS, ARTUR BAUR, G. BADASH, P. BALKÁNYI, LEC
ELMONT, DOLFA BARTOŠIK, ROGER BERNARD, LALI BLOND, MAGDA CARLSSON, W. COLLIN
ON, HILDA DRESEN, HELMI DRESEN, ISAJ DRATWER, STELLAN ENGHOLM, EMBA, FERENC
RDEY, A. FARKAS, J. FETHKE, VENLO FON, S. GUTERMAN, OTTO GINZ, C. GIQUEL, W. M. GREEN
HR. HEILSKOV, RUDOLF HROMADA, BRIAN PRICE HEYWOOD, J. HARTOG, LADISLAO HALKA
-RO P. TH. JUSTESEN, SAM JANSSON, ANTONI JANDIK, LUDMILA JEVSEJEVA, SALDANHA CARREIRA
ORGE, K. KALOCSAY, ALEX KAY, E. KNUTSSON, N. KURZENS, IVAN KRESTANOV, STANISLA
AMARYT, L. LAPPI, MILOŜ LUKAŜ, I. LEJZEROWICZ, G. MAURA, T. MORARIU, L. N. NEWELL
DMOND PRIVAT, EMIL PFEFFER, TOMAŜ PUMPR, C. A. PRUISSEN, S. PRAGANO, MARC PUJC
RVIN PREIS, IVO ROTKVIĈ, RETO ROSETI, H. SEPPIK, FENTON STANCLIFF, L. SPIERER, RAGNAI
VEN, F. CLARK STILLMANN, GEORGO SAVILLE, J. STEFANČIĆ, K. R. C. STURMER, JOŜIŜI ŜIMO
URA, J. ŜAPIRO, RUDOLF ŜTAMERS, RAYMOND SCHWARTZ, JAN VAN SCHOOR, FEREN
ÁGYI, L. E. THOMSON, VARMA THILANDER, JULJAM TUWIM, HENRI VATRÉ, ALEC VEN
FRANZ WATZINGER, HALINA WEINSTEIN, LIDIA ZAMENHOF, SAINT JULES ZEI
ER, J. WELEMINSKY, E. WIESENFELD, MAREK WAJSBLUM, GASTON WARINGHIE

## APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Prezoj en USA dol.*

| | | bind. | broŝ. |
|---|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj | | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura! | | Elĉerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo | | Elĉerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo | | Elĉerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero | | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj | | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo | | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo | | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj | | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo (Tolbind. 4.80) | | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo | simpla | 1.— | 0.66 |
| | luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro | | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero | | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo | luksa | 0.84 | 0.50 |
| | simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto, II-a eldono | luksa | 3.40 | |
| | simpla | 2.60 | 2.95 |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio | | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita | | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita | | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio | | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando | | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** Eszperantó nyelvtan | | | 0.36 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La centroarto en la malnova Hungarujo | | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | | 0.80 | 0.60 |
| **Kalocsay:** Dekdu poetoj | simpla | 0.84 | 0.50 |
| | luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento | | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 | | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo | | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušiĉ—Rotkviĉ:** Cezaro | | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli | | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto | simpla | 0.86 | 0.60 |
| | luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato | simpla | 1.20 | 0.92 |
| | luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | | 2.12 | 1.80 |
| | luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio | | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) | simpla | 1.60 | 1.32 |
| | luksa | 2.15 | |

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo | | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo | simpla | 0.95 | 0.72 |
| | luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko | | —·85 | —·60 |
| **Van Loon—Saville:** Rigardu la Teron | | 2.95 | 2.60 |
| | luksa | 3.40 | |
| | simpla broŝ. sen la koloraj tabuloj | | 1.80 |
| **Dr. Szilágyi:** Ellernu, progresa kurso de Esp. | | | —.56 |
| **Seppik:** La Tuta Esperanto | | —.96 | —.75 |
| **Földes—Halka—Spierer:** La Strato de Fiŝanta Kato | | 1.25 | 1.— |
| **B FMaria Ha De Vernyj:** Dion Adori | | | —.40 |
| **Arĝenta Duopo,** Jubilea Libro pri Baghy—Kalocsay, redaktis Bleier—Szilágyi, | I. vol. | | —.90 |
| | II. vol. | | 1.10 |
| | la du volumoj kunbindite | 2.— | |
| **Bleier—Cense:** Ora Libro de la Esp. Movado | | 1.10 | —.72 |
| **L. N. Newell:** Bakŝiŝ, novelaro | | —·95 | —·72 |

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO

10.— aŭstrajn ŝilingojn; 54.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 54.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 54.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 9.— pengöjn; 36.— lirojn; 85.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 3.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 10.— zloty; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 7.80 svisajn frankojn; 1.80 USA dolarojn kaj ĉiun egalvaloron.

Unu ekzemplero kostas 14 dolarcendojn. 10 ekzempleroin al la sama adreso ni sendas por po 10 dolarcendoj.

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 5.— belgajn frankojn; 8 penny; 5.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan kronon; 5.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenojn; 0.60 norvegan kronon; 1.— zloty; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.80 svisan frankon; 0.20 USA dolarojn kaj ĉiun egalvaloron.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**

5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn; 31.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

**Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-strato 38.**

# Ĉa Maskitino
## Komedio en unu akto
— C. Thomson —

PERSONOJ:
*Sinjorino Feja Breton.*
*Sinjoro Silvestro Breton,* riĉa esperantisto - komercisto.
*Fraŭlino Sonja Andreo,* riĉa heredintino.
*Sinjoro Gerardo Fulro,* sengroŝa Ĉe-metoda instruisto.
*Osbruk,* ĉefservisto en la Bretona Domo.

(En la buduaro de sinjorino Breton, vespere. El flanka ĉambro de tempo al tempo venas la sonoj de danc-muziko. Estas balo en la domego de riĉa esperantisto-komercisto, Silvestro Breton. En la buduaro sidas sinjorino Feja Breton, bela virino de tridek jaroj, dekoltite vestita. Tuj eniras fraŭlino Sonja Andreo, belega, dudekkvinjara, kaj same dekoltite vestita.)

*Sonja:* Ho, Fenjo, kara, konduku min al kanapo kaj lasu min dormi.

*Feja:* Hej, Sonja, ĉu vi jam tiel lacas ĉe mia balo. Eta pigrulino, ŝajnas, ke tro da elegantuloj-amantoj...

*Sonja* (sidiĝante): Ho, fermu la buŝon, Fenjo, pri la amantoj, aŭ mi kriĉos.

*Feja* (tre ĉarme, sidiĝinte apud ŝi): Mi sciis, ke vi venos al mi, kiam vi enuos. Kiel mi povas vin gajigi, karulino?

*Sonja:* Kiel mi envias vin, Fenjo. Vi havas ĉion. Antaŭ unu jaro vi estis mia konstanta kunulino. Ni estis kvazaŭ ĝemeloj. Subite vi havas ĉion, kion mi ne havas — riĉan esperantiston kiel edzon, la amon, belan fonon por via beleco.

*Feja:* Malsaĝulino, via vico venas. Krome, ĉu mi estas tiel terure feliĉa? Ankaŭ mi, kiel vi, ĝojas eskapi iom el la tro viveca vivado. Nun ni povas babiladi. Efektive, pasis pli ol unu jaro, de kiam ni laste skandalis pri la mondo.

*Sonja:* Sed, kara, ĉu vi povas lasi viajn gastojn?

*Feja:* Ho ne zorgu pri ili. Nun ni estas absolute ekster danĝero, ĉar la tuta bestaro svarmas en la manĝejo por sin nutri; kaj ni povas paroli pri tiu nokto en Parizo antaŭ unu jaro.

*Sonja* (gaje): La maskobalo! Kaj vi, Fenjo Breton, portis maskon kaj domenon.

*Feja:* Kaj vi, Sonja Andreo, portis maskon kaj domenon.

*Sonja:* Ho jes, sed mi ne estis edzino.

*Feja:* Hm, eta prudulino, ĉu mi ne rajtis porti maskon kaj domenon, ĉar mi estas edzino? Efektive, la masko kaj domeno pli necesas al edzinoj ol al ludemaj fraŭlinetoj.

*Sonja:* Ĉu via junedzo malkovris la fakton, ke vi sola ĉeestis maskobalon jam en la mielmonato?

*Feja:* Neniam. Kiel li ĵaluzus, se li scius, ke dum li pasigis la tempon en laborkunsido de la Lingva Komitato, lia edzino iris al Pariza balo en masko kaj domeno? Kaj, Sonja, de kiam ni estis disigitaj en la homamaso, mi ne plu vidis vin. Bela, alta kavaliro akompanis min hejmen al mia hotelo — kaj mi ne vidis *lin* plu, ho ve. Li amindumis tre bele. Sed, Sonja, vi neniam konfidis al mi, kiu vin akompanis hejmen...

*Sonja* (duone oscendante): Ho jes, mi ne facile forgesos tiun maskobalon.

*Feja:* Hm, ne? Ĉu vi volas ion manĝi, Sonja.

*Sonja:* Ne, mi dankas, mi ne estas malsata.

*Feja:* Tamen, glason da vino, nu?

*Sonja:* Ne, dankon, mi estas tiel laca, mi bezonas nur iom ripozi.

*Feja:* Jes, ripozi sur viaj laŭroj. Sonja, kion vi ja faris en mia bala salono? Sur la tuta planko estas disĵetitaj koroj, la koroj de malfeliĉaj sinjoroj. Antaŭ vi ili perdis ilin. Ho mia kara Sonjeto, kiel la sinjoroj flugetis ĉirkaŭ vi..

*Sonja:* Jes, kiel muŝoj ĉirkaŭ sukero aŭ pastro ĉirkaŭ paroĥo. La vivpano, mia kara, estas por ili grava demando. Sed la edziĝoĉasantaj sinjoroj klopodas vane! Mi volas esti amata pro mi mem, kaj ne pro mia mono.

*Feja:* Malsaĝulineto vi estas. Ĉu vi estas do tiel malbela, aŭ ĉu vi pensas, ke la sinjoroj estas tute blindaj? Mi opinias ĉiam, ke juvelo estas duoble pli bela, kiam ĝi estas en ora krado.

*Sonja:* La viroj estas por mi indiferentaj.

*Feja:* Ha, mi komencas kompreni ion. Via koro ne estas plu libera!

*Sonja* (faras silentan geston).

*Feja:* Do, via koro ne estas plu libera. Ha, mi divenis.

*Sonja:* Jes, se diri sincere, kara Fenjo, mi estas efektive enamiĝinta. Kaj kun *unu* en la koro, oni ne havas tie lokon por multaj.

*Feja:* Dependas de la konstruo de la koro. Preĝu, Sonja, ke li ne estu ĵaluzema. Ŝajne, Sinjoro-Amanto eluzas la provizon de dolĉaj karesvortoj, ĉar Sinjoro-Edzo mutas pri ili post la nuptoj. Kio do pri virino, kies edzo estas ĵaluzema kaj ne plu scias flati?

*Sonja:* Sed, ĉu la kara sinjoro Breton estas homo ĵaluzema?

*Feja:* Jes, ĵaluza kiel porko. Denaske li havas la ĵaluzan temperamenton. Sed ni ne parolu pri li...

*Sonja:* Tamen, ni parolu pri li, ĉar mi volas scii, volas lerni ion pri la viroj. Diru, ĉu via edzo ne estas ĵaluza nur pro tio, ke li vin amas?

*Feja:* Mi volas esti amata senĵaluze. Mi konsentas, ke viro, kiu forte amas, povas senti ĵaluzon, sed vera amo devas ami senĵaluze.

*Sonja:* Sed, Fenjo kara, kiel viro matura povus ami kaj ne senti ĵaluzon, se li vidus, ekzemple, la edzinon en la brakoj de alia viro?

*Feja:* Tio estus alia afero. Sed mia edzo! Lia ĵaluzo estas senbrida kaj maljusta.

Sonja: Tamen, ankaŭ ĉi tio montras, ke li amas, eĉ amegas vin, kaj, efektive, tio donas al vi multe da povo kontraŭ li.

*Feja:* Eble jes. Eble vi estas prava, sed mi neniam deziris havi tian povon kontraŭ amata viro.

*Sonja:* Vi ĝin ja havas, kaj ankaŭ uzas.

*Feja:* Kiel vi volas diri, ke mi ĝin uzas?

*Sonja:* Nu, ĉu vi ne iris al la maskobalo, sciante ke via edzo ĵaluzus, se li tion scius. Do li certe ne ĵaluzas tute sen kaŭzo.

*Feja:* Li ja faras tion tute senkaŭze. Ĵaluza viro ne devas havi kaŭzon. La ĵaluza sento estas interne de li, kaj li sentas ĵaluzon kiel alia persono sentas amikecon, aŭ eĉ la amon.

*Sonja:* Vi mirigas min. Kion li farus, se vi vere donus al li kaŭzon ĵaluzi?

*Feja:* Li freneziĝus, mi supozas. Sed ne tentu min, Sonja.

# Poemoj de d-ro Pumpř

## MALPIE

Moto: *Homaj agoj estas nur palaj ombroj de la intenco.*

Memanalizo
pri anim-krizo
de homo pelita
el paradizo.

Aperta vundo
en kor-profundo —
La vivo, ĝi estas
vivo de hundo.

Brute remaĉi,
sur vivon kraĉi,
mizere vegeti,
fie mortaĉi.

Amo kaj ĝuo —
teda enuo.
En brusto prefere
oscedu truo.

Morala ŝuldo —
stulta absurdo:
La homoj vivante
vivas per murdo.

Jen altruismo
tra pura prismo:
Najbaron forglutu
Infer-abismo.

Indigni je vi?
Ne! Pugnojn levi,
prajmi la terglobon,
vidi ĝin krevi.

Kun moka voĉo
sen mens-riproĉo
bruligi la tindron
de la kartoĉo.

Aŭ ĵeti bombon
en la viv-trombon...
Kaj kun vi descendi
en nigran tombon.

Ĝusta celtrafo
de l' lasta pafo...
Post mondo ne restu
eĉ epitafo.

## VIPEROJ

I.

»Pensu nek pri epitafo
nek pri temo politika.
Trinku vinon el karafo
kaj vin nutru grase dika.«

La aŭtoro de l' sentenco
— malgraŭ ties imitindo —
sklavas al la abstinenco
kaj malgrasas kiel ŝindo.

II.

Li emfazis ĝis enuo
kun signifa fingro-levo:
»Estas unusola ĝuo:
la bongusta pom' de Evo«.

Sed sur lito agonia
li konfesis veron pri si:
Li en tuta vivo sia
ne kuraĝis inon kisi.

III.

»Por vin de la peko gardi
prenu la ekzemplon el mi:
Timu inon eĉ rigardi
kaj preferu vidon fermi.«

La moralon de l' konsiloj
dum prediko longedaŭra
al du siaj junaj filoj
instruadis... patro fraŭla.

---

*Sonja:* Se mi iam havos ĵaluzeman edzon, mi ĵaluzigos lin, mi donos al li kaŭzon freneziĝi.

*Feja:* Ne tentu min, diablino. Ofte mi ekpensis ludeti kun tiu sama ideo.

*Sonja:* Ĉu via maskobala afero ne donus al li kaŭzon...?

*Feja:* Tute ne. Nenio okazis ĉe tiu maskobalo, kaj krome ĝi estis jam antaŭ tro longe. Mi ne plu parolu pri ĝi. Sed pri *vi.* Kio estas la nomo de tiu homo, kiu enamigis vian koron? Ĉu mi konas lin?

*Sonja:* Mi lin ne konas mem! Mi ne scias lian nomon, kaj eble mi revidos lin neniam!

*Feja:* Kia sentimentala kaprico! Ne konas lian nomon? Bah! Sed oni devas ĉiam havi ion por sin turmenti. Se oni ne havas zorgojn pro pano, oni tiam faras al si zorgojn pro amo. Sed ĉu vi permesos al mi demandi...

(La kelnero, Osbruk, eniras)

*Osbruk:* Ĉu la Sinjorino volas iom da vespermanĝo? Jam la gastoj preskaŭ manĝis la provizon...

*Sonja:* Nenion, dankon.

*Feja:* Alportu koktajlon kaj glaciaĵon.

*Osbruk:* Tuj, sinjorino, tuj. (Eliras Osbruk.)

*Feja:* Ankaŭ Osbruk enamiĝis al vi, Sonja. Li rakontis al mi, kiel la amantoj amasiĝis ĉirkaŭ vi, kaj kiel ili ne indas tuŝi la etan fingron de via mano.

*Sonja:* Ne turmentu min pri la viroj. Mi ne povas elporti, kiel ili rigardas min. (Leviĝante) Fenjo, ĉu vi rememoras, kiel ni knabinaĝe interpromesis al ni, ke se unu el ni edziniĝos, la alia faros same, sed ke se la unua edziniĝos malfeliĉe, la alia tiam dediĉos sin al la dancarto. Post hodiaŭ nokte mi intencas dediĉi min al la dancarto.

(Sonja faras kelkajn paŝojn de gracia danco sola, kiam eniras Sinjoro Silvestro Breton. Li estas grandkomercisto, riĉa kaj impona sed malgaja persono. Kvardekjara.)

*Breton:* Permesu ke mi diru, vi dancas gracie. Kiel vi sanas, sinjorinoj?

*Sonja:* (ĉesigante la dancon) Ho, bonege, sinjoro Breton.

*Breton:* Estas por mi plezuro vidi, ke vi nun iom ripozas, Fenjo. Vi kredeble sentas vin jam tre laca, estinte tiel ĵetata el la brakoj de unu sinjoro al la brakoj de alia!

*Feja:* (ludetas kun ventumilo, kiun ŝi ĵus prenis de seĝo, kaj fajfetas. Silentas.)

*Breton* (ofendite): Ŝajne, vi estas en tre bona humoro!

*Sonja* (ridetante): Tion vere oni ne povas diri pri vi, sinjoro Breton.

*Breton* (surprizite): Kontraŭe, mi estas en plej brilanta humoro.

*Feja:* Ne kredu al li, Sonja. Mi vidas laŭ lia nazo, ke li estas forte atakema. Li venis tien ĉi nur por aranĝi disputojn.

*Sonja:* Do, estas plej bone sin savi per forkuro.

*Breton:* Vi ja komprenas, ke mia edzino nur ŝercas.

*Sonja:* Mi devas tamen iri en la salonon. Mi ŝuldas, jes, la dioj scias, kiom da dancoj, kaj se mi ne pagas miajn ŝuldojn tuj, mi timas, ke miaj kreditoroj min trenos tien perforte.

(Ridetante Sonja eliras)

*Feja:* Estu tiel bona, komencu, ju pli frue, des pli bone! Ne ĝenu vin. Mi estas preparita por la plej malbona.

*Breton:* Sed, Fenjo kara, mi ne diris eĉ unu vorton.

*Feja:* Ne, sed vi estas kolerega. Tio ja estas videbla laŭ via nazo, kiu estas pli elstaranta ol ordinare.

*Breton:* Fenjo!

*Feja:* Mi estas tro bela tiun ĉi vesperon, ĉu ne vere!

*Breton:* (sarkasme) Vi estas ja tro modesta.

*Feja:* Mi koketas tro multe kun la junaj sinjoroj, ne vere? Mi estas tro ĵetata al la brakoj de unu sinjoro al la brakoj de alia, kiel vi vin tiel bonguste esprimis!

*Breton:* Nia tuta edzeco estas neinterrompita dancado.

*Feja:* Mi certe ne povas diri, ke mi dancas super rozoj.

*Breton:* Ha, Fenjo, se vi nur scius, kiel turmente estas vidi la edzinon premata en la brakoj de alia, ĉirkaŭprenita de lia brako, sin ruli en kapturna valso. Ho, tiuj baloj, tiuj baloj!

*Feja:* Sendanka homo! Kaj tamen estis ĉe unu el ĉi tiuj baloj, ke vi trovis vian feliĉon. Ĉu vi ne rememoras? Tio estis antaŭ ne pli ol unu jaro kaj duono. Tamen vi sidis tie ĉi kun bele meblita loĝejo sed sen la plej bela meblo en la domo, juna edzino; kaj tiam vi komencis trovi, ke esti tute sola en ok ĉambroj kaj kuirejo ne estas tute sana por la homo. Tiel statis via afero, kiam ni unue renkontis unu la alian.

*Breton:* Jes, estis ĉe balo.

*Feja:* Kaj kie ĝi estis, ke vi petis mian manon?

*Breton:* Same ĉe balo.

*Feja:* Tial vi havas nenian kaŭzon plendi. Ni vivis bone kune.

*Breton:* Ho, oni vivas tre bone, kiam oni ĉiam veturas al baloj.

*Feja:* Mi estas laborema edzino.

*Breton:* Jes, vi manĝas vian panon en la ŝvito de via frunto ĉe ĉiuj baloj de la ĉefurbo.

*Feja:* Ŝercu nur! Vi pentos pri via konduto antaŭ ol vi finos. Dume, mi iros for.

*Breton:* Mi jam kutimiĝis vidi vin iri for, fakte forkuradi al baloj.

*Feja:* Hodiaŭ vespere vi vere superas vin mem.

*Breton:* Eble jes, sed mi ne plu povas ĉi tion toleri. Tie ĉi devos fariĝi alia danco.

(Feja komencas ludeti kun la ventumilo kaj fajfeti, kiam Breton sovaĝe ekprenas la ventumilon kaj rompas ĝin en du pecojn.)

*Feja* (stariĝante): Vi fariĝas ĉiam pli kaj pli bona, mia amiko. Nun mi ne mirus, se vi komencus disrompi spegulojn kaj vitrojn.

*Breton:* Mi sufiĉe inklinas tion fari...

*Feja:* Nu bone, ne ĝenu vin tro, mi petas. Mi volonte vin helpos. Jen estas forna fero. Komencu per rompo de la speguloj — (donas al li feran ilon de la kameno) kaj



Jokubas Dagys *Du homoj*

dume mi ekspedos la porcelanaĵojn kaj aliajn malgrandaĵojn. Jen ekzemple — (kaptas vazon kaj ĝin rompas sur la planko). Nu, rompon por rompo.

(Bruo ekstere kaj la voĉo de Osbruk — laŭte)

*Osbruk:* Estu tiel bona, la gesinjoroj estas ĉi tie.

(Breton kaj Feja iom rekonsciiĝas, kaj Osbruk envenas sekvata de Gerard Fulro, kiu estas juneca, belaspekta, eble iom pli ol tridekjara. Osbruk riverencas kaj eliras.)

*Gerard:* Mi esperas, ke mi ne malhelpas.

*Breton:* Gerard, vi, mia amiko. Neniel vi malhelpas.

*Gerard:* Evidente, eta akcidento por marki mian unuan eniron.

*Breton:* La edzino kaj mi nur okupiĝas je kelkaj — hm — mastrumaĵoj. Permesu, ke mi prezentu — mia plej bona amiko, Gerardo Fulro, ĵus reveninta hejmlanden, — Fenjo, mia edzino.

*Feja:* Mia edzo tiel ofte parolis pri vi kaj pri via kunuleco kun li en la Instituto en Arnhem, ke mi sentas, ke mi vin jam konas.

*Gerard:* Estas por mi granda plezuro konatiĝi, sinjorino. Kiam ni laste nin renkontis, via edzo tiam estis kiel mi estas, ankoraŭ fraŭla.

*Breton:* Mi aŭdis, ke vi revenis, kaj mi tuj sendis al vi inviton. En iu alia vespero vi kredeble ne renkontus mian edzinon; sed ĉi tiun vesperon ŝi estas okaze hejme, ĉar ŝi mem donas balon.

*Fenjo:* Ne aŭskultu lin, sinjoro, li estas nur tiel malica.

*Gerard:* Mi lin bone konas, sinjorino, kaj tia li ja estis antaŭ ol mi iris alilanden, por fini en Parizo.

*Breton:* Parizo? Mi pensis, ke vi instruis en Italujo. Mirinde, ke ni ne renkontiĝis en Parizo. Tie mi estis en la lasta kongreso por la Lingvokomitata kunsido.

*Gerard:* En tiel granda kongreso ne estas tiel mirinde maltrafi amikon. Mi ĉeestis nur por la Ĉemetoda fakkunsido.

*Feja:* Kaj tiam ni estis mielmonatuloj, kaj ne povis vidi multe. Ni forveturis kelkajn tagojn post la granda maskobalo.

*Gerard* (vivege): Vi estis en la opera maskobalo, sinjorino?

*Feja:* E — kiel vi povas tion supozi?

*Breton:* Tiu maskobalo, ŝajnas, faras eksterordinaran impreson sur vin — ambaŭ.

*Gerard:* Ho tio estas nenio.

*Feja:* Kompreneble ne. Nun mi devas fari viziton al la salono kaj ne plu malŝati miajn aliajn gastojn.

*Gerard:* Donu al mi la honoron danci kun mi, sinjorino...

*Feja:* Malfeliĉe mi jam estas okupita, sed mi provos zorgi por vi pri fraŭlino, kaj mi opinias, ke vi ne perdos per la ŝanĝo. Ŝi estas juna, bela kaj riĉa. La lasta eco estas ja tio, kion la plej multaj sinjoroj estimas plej, precipe se oni dediĉas la vivon al la Ĉemetoda propagando.

(Feja eliras. Gerardo staras kaj rigardas post ŝin iom distrite. Breton tuŝas lin sur la ŝultro.)

*Breton:* Kio estas al vi? Kiajn rememorojn vekis en vi tiu maskobalo, kiam vi fariĝis tiel ekscitita?

*Gerard:* Ho efektive estas nenio. Mi havis tie la plej mirindan aventuron de mia vivo. Mi preskaŭ fianĉiĝis kun belulino, ne vidinte eĉ ŝian vizaĝon.

*Breton:* Kion vi babilas? Kiel tio povas okazi? (Promenetas antaŭen kaj flankediras) Eble Fenjo iris al tiu balo?

*Gerard:* Mi renkontis ŝin ĉe la balo, la nekonatan belulinon. Mi aŭdis ŝian voĉon. Ŝi diris, en nia pura esperanta lingvo, ‚Dio, kion mi faros'. Mi iris kuraĝe

## EPILOGO

— *Georges Rodenbach* —

Jen, estas aŭtuno, pluvo kaj mort' de l' jaro,
La morto de la juno, de l' sole nobla peno,
Al kiu ja mi sonĝos en hor' de morta premo:
La peno sin transvivi en la preta Verkaro.

Sed ve, jen estas fino de ĉi granda espero,
Jen estas fin' de revo, vana kiel aliaj,
Sur lipoj apostolaj forvelkas vortoj piaj,
Perfidas la plej vigla, ol venos la vespero.

Ho vanaj, ĉiam vanaj girlandoj de la gloro!
Ho tamen estas triste, kiam ja oni revis
Ne tute forperdiĝi, kiam ja oni kredis
Iom postlasi el si por futura trezoro.

Ve, jam mi mian rozon sentas sen froŝ', sen forto,
Mi sentas, ke ĝi velkas, kvazaŭ oni ĝin ŝirus!
Ne fluas mia sango, kvazaŭ ĝi laste spirus...
Kaj ĉar la nokto venas, — mi dormemas je morto!

El la franca: *Lali Blond.*

## VESPERO

— *Albert Samain* —

L' Anĝelo de l' vespero pasas inter la floroj...
Ĉe la preĝej-orgeno la Sonĝo-Damo kantas;
Kaj la ĉiel' sur kiu la tag' al nokt' sin fandas,
Prolongas l' agonion pompplenan de l' koloroj.

L' Anĝelo de l' vespero pasas inter la koroj...
Virginoj sur balkonoj trinkas amon de l' ventoj;
Super virginojn blankajn kaj super flor-taĉmentojn
Kun lanta falo neĝas mildpalaj aŭreoloj.

En la ĝarden' la rozoj kliniĝas lace, lante,
Kaj la anim' de Schumann tra la spaco vagante
Ŝajnas diri doloron spitantan al kuraco...

Ie knabino dolĉa velkas al tomba paco...
Animo, metu signon en libron de la horoj,
L' Anĝel' rikoltos, kion vi revis inter ploroj.

El la franca: *Lali Blond.*

---

antaŭen kaj prezentinte min kiel samideano, proponis, ke mi estu ŝia kavaliro.

*Breton:* Ŝia kavaliro!

*Gerard:* Ŝi portis nigran maskon kaj ankaŭ domenon; fakte, ĉiuj portis maskojn kaj domenojn, ĉiuj nigrajn. Ŝi estis juna kaj bela; pri tio mi estas certa. Rondaj brakoj, marmorblanka kolo kaj brusto...

*Breton* (flanke): Li priskribas *ŝin.*

*Gerard:* Purpuraj lipoj, sub la puntoj de la masko, kaj brilantaj okuloj...

*Breton* (flanke): Jes, jes, povas esti neniu alia...

*Gerard:* Ĉu vi aŭskultas, Breton, aŭ ĉu vi nur revas. Aŭskultu min... (Katenas la plenan atenton de Breton.) Ŝi prenis al mi la manon kaj klarigis, ke ŝi estas apartigita de sia amikino en la premado de la homamaso. Mi proponis, ke mi helpos ŝin retrovi la perditan. Sed ĉiuj same sin maskis kaj domenis. Ni promenis longatempe senrezulte...

*Breton:* Senrezulte?

*Gerard:* Jes, senrezulte. Ĉu vi jam sopiras rezultojn? Ni prenis kune sidon en loĝio. Ŝi estis sprita, edukita kaj aminda. Mi estis duone ebria de amo, ĉampano kaj dancmuziko. Ni ambaŭ sentis la tuŝon de romaneco. Poste ni dancis kaj dancis.

*Breton* (duonflanke): En la brakoj de alia!

*Gerard:* En la brakoj de alia, ho ne, ne. Mi ne ellasis ŝin el ĉi tiuj brakoj. Mi petegis, ke ŝi formovu la maskon, ĉar mi mem estas senmaska, sed ŝi estis nemovebla.

*Breton:* Tro ruza, tro ruza!

*Gerard:* Ne tro ruza, sed senkulpa. Ŝi diris, flustris al mi per sia sorĉa voĉo, »Ne disŝiru la misteran vualon, kiu estas ĵetita sur nian renkonton kaj kiu aldonas al ĝi ĉarmon. Ni renkontiĝos denove en alia kongresa ĉefurbo en la venonta somero«.

*Breton:* Tio estas nun en la nuna momento.

*Gerard* (ne rimarkante lin): Kaj ŝi diris al mi, dolĉvoĉe. »Lasu min nun iri, akompanu min nur al veturilo kaj ne penu scii, kiu mi estas, aŭ min sekvi. Mi konfidas al via kavalireco«. Mi ĝojis pri ŝia naiveco. Mi prenis ringon de mia malgranda fingro kaj metis ĝin sur ŝian fingron...

*Breton:* Ringon! Mi ne vidis ringon. — Mi elserĉos ĝin, poste.

*Gerard* (ne rimarkante lin): Kaj mi flustris en ŝian rozan orelon la versojn, kiujn mi rememoris el la Krestomatio.

Tiun signon portu
Sur mano via,
En mistero restu
La nomo mia — ĝis la revido.

*Breton:* Ili poeziumis!

*Gerard:* Kaj ŝi flustris. »Mi portos ĝin ĉiam«. Kaj mi rediris: »Per ĉi tiu ringo mi vin katenas. Kiam mi vin revidos, ni disiĝos neniam«. Kaj ŝi respondis. »Neniam«. Kaj ni diris »Ĝis la revido« ankoraŭ unu fojon. Kaj ŝi sidiĝis en la fiakro kaj mi estis ekstere kaj ŝi klinis sin kaj kisis min sur la frunto, kaj mi pasie kisis ŝin sur la lipoj, kaj ŝi la miajn. Sed estis tro malfrue. Jam la fiakristo...

*Breton* (cinike): Metis la piedon sur la gason, mi esperas.

*Gerard:* Breton, vi ĉiam estis cinika porko.

*Breton:* Kaj mi estas ankaŭ hundo. Mi povas elflari ion... Restu ĉi tie. Mi eble povos ĝin trovi...

*Gerard:* Trovi, kion?

*Breton:* La ringon. Eble mi trovos... Sed vi restu ĉi tie, kara Gerardo. Eble mi povos trovi por vi la belulinon. Atendu mian revenon. Ĉi tie vi estos sendanĝera, en la pleja sanktejo de Fenjo. Sidu tie malantaŭ la ŝirmilo kaj ĝuu la freŝan aeron tra la fenestro. Ĝis (Breton eliras subite ridaĉante.)

*Gerard:* (sola) La homo freneziĝis! Sed la edzeco tiel efikas sur kelkajn. (Li sidas kelkajn minutojn silente kaj fermas la okulojn malantaŭ la ŝirmilo. Dume eniras Feja kaj Sonja, nevidante lin...)

*Feja:* Ĉi tie estas neniu. Des pli bone.

Sonja: Nu, kio estas la grava sciigo, kion vi havas por mi?

*Feja:* Mi estas certa, ke li al vi plaĉos. Li estas *juna*, — *bela*, — edukita kaj eleganta. Li vivis kaj instruis Ĉemetode kelkajn jarojn en la eksterlando.

*Sonja:* Li kredeble vivis tie tiel multe, ke li nun revenas hejmen por trovi ion, per kio li povos plu vivi. Li fariĝos kredeble unu el miaj plej varmaj adorantoj.

*Feja:* Ho, li havas, tamen, ion alian, per kio li




E. Preis — *Frenezulo*

povus vivi krom vi, mia kara. Ne ĉiu viro estas fortunĉasanto.

*Sonja:* Vivi per propraj rimedoj, tio estas la plej bona vojo, kiun li povas elekti; dudek mil kronoj da procentoj en jaro kaj fari nenion alian ol esti la edzo de sia edzino.

*Feja:* Fi, Sonja!

*Sonja:* Nu, elserĉu la pekulon, konduku lin tien ĉi kaj starigu lin inter la vico de miaj adorantoj. Vi diris, ke li estas, kio? — Ĉemetoda Instruisto — Bone, mi povos uzi lin instrui la aliajn amantojn — forvaporiĝi.

*Gerard* (aperante al ili): Mi estas jam ĉi tie, kaj tuj, kiam mi estos prezentita, estos al mi plezuro akcepti la dediĉitan al mi lokon.

(Sonja silente agonias, ĉar ŝi rekonas lin. Feja estas tute silenta).

*Feja* (tusas): H-m.

*Gerard:* Pardonu, se mi vin ektimigis. Mi sidis absorbita per la muziko kaj freŝa aero, tiel ke mi — e — ne rimarkis vian eniron.

*Feja* (ridetante): La situacio estas vere malagrabla, tamen, jam estas tro malfrue por sveni. Senkulpe, kara Gerardo, vi fariĝis subaŭskultanto kaj, kiel diras la proverbo, aŭdis nenion bonan pri vi. Mi esperas, ke vi estos kiel la tri bonaj kaj saĝaj simioj (imitas ilin komike), kiuj vidas nenion, aŭskultas nenion kaj diras nenion. Permesu prezenti vin al vi... fraŭlinon Sonja Andreo... sinjoro Ĉe-instruisto Gerardo Fulro... (rimarkante Sonjan) Nu, Sonja, vi tiel tremas... Sidiĝu mia kara...

*Sonja* (side): Tio baldaŭ forpasos. Mi estas iom nerva...

*Gerard:* Mi bedaŭras, ke mi estas eble la kaŭzo...

*Feja:* Nu, por puno mi vin kondamnas, kara Gerardo, resti ĉi tie kaj flegi la fraŭlinon, ĝis vi povos rekonduki ŝin, perfekte refortigitan, en la salonon. Mi devas vin forlasi. Miaj devoj de mastrino min vokas. (Feja eliras.)

*Sonja* (preskaŭ rebonigita): Sidiĝu, sinjoro Fulro.

*Gerard:* Mi dankas vin. (Li sidas iom fore.)

*Sonja:* Diru al mi, ĉu ni parolu pri la vetero kaj ekblovo, aŭ ĉu ni estu tute sinceraj.

*Gerard:* Kiel al vi plaĉas, fraŭlino.

*Sonja:* Nu, ni estu sinceraj. Vi min abomenas, ĉu ne?

*Gerard:* Ni unue konsentu, ke mi vin ne adoras, fraŭlino. Se mi vin komprenis ĝuste, vi timas min pli kiel adoranton ol kiel malamikon.

*Sonja:* Sed tiam mi juĝis nekonante. Nun, kontraŭe, kontraŭe...

*Gerard:* Nun, vi konas min egale nekonante.

*Sonja:* Jes, vere, sed...

*Gerard:* Sed...

*Sonja:* Sed...

*Gerard:* Ĉu vi efektive estas sincera, fraŭlino?

*Sonja:* Mi nenion volas pli volonte...

*Gerard:* Sed, trovinte ke mi estas sufiĉe senhonta ne tuj fali sur la genuojn, vi eble havus la deziron meti min venkitan al viaj piedoj, por poste havi la plezuron — min forpuŝi.

*Sonja* (leviĝante): Sinjoro!

*Gerard* (leviĝante): Fraŭlino...

*Sonja:* Ĉu vi ankoraŭ havas ion nediritan?

*Gerard* (sciante ke li pekis kontraŭ la leĝoj de gastdomo): Mi estas — e — tro flamiĝema, mi estas rapidema, mi volus nur...

*Sonja:* Vi volus nur pagi mokon per moko kaj min humiligi. Vin gratulu, Ĉe-instruisto Fulro, vi atingis perfekte vian celon.

*Gerard:* Fraŭlino Andreo, permesu...

## Kiel la luno . . .

**— Willem Kloos —**

Kiel la luno, palarĝenta flor',
Senmove brilas en la blu' vespera,
Perdinte la petalojn de la kor'
Kiam ĝi grimpis el la sino tera,

Tiel al mi en mire dolĉa glor'
Duonaperis via form' aera,
Kaj post rideta ĝemo ŝvebis for,
Fandiĝis en la nokta ĉiel' lumera.

Vi estas kiel sonĝo de feliĉ',
— Senfina ĝojo dum mallonga hor':
Ĉe la krepusko mortas ĝia ĝu' —
Kiel matenoruĝo, stela riĉ',
Kiel tre fora, kara rememor',
Kiun mi perdis kaj ne trovas plu.

El la nederlanda: *Maxim Janido.*

## Mi estas dio . . .

**— Willem Kloos —**

Mi estas dio en profunda koro,
Kie mi regas, sur monarha tron',
Min mem, la universon, laŭ l' ordon'
De propra fort', el propra lukt' kaj gloro.

Kaj kiam bandojn de l' infera horo,
Sovaĝajn povojn el malluma zon'
Fuĝigas mia man' kaj hela kron':
Mi estas dio en profunda koro.

Kaj tamen tiel brulas mia vol'
Min premi al karega via kor'
Ke mi perdiĝu en plorĝema ĝu'
Kun ardo, fiero kaj kvieta glor'
Sur viaj lipoj, per sovaĝa flu'
De kisoj, dum formortas la parol'.

El la nederlanda: *Maxim Janido.*

---

*Sonja:* Mi kuraĝis preni vin por ĉasisto de monedziĝo, vi kuraĝis ĵeti en mian vizaĝon, ke mi estas senkora koketulino, kiu sin amuzas per jungado de malfeliĉaj amantoj al sia veturilo de triumfo. Ĉu ni nun estas kvitaj?

*Gerard:* Mi povas nenion diri por mia pravigo.

*Sonja:* Mi povus diri multon por la mia, sed mi ne scias vere, kial ni komencis tiun ĉi paroladon, kaj mi scias ankoraŭ pli malmulte, kial ni ĝin — daŭrigas. (Mallaŭta muziko ekstere.)

*Gerard:* Jes, vi estas prava, fraŭlino. Konversacio estas malfacila, tial mia efektiva intenco estas — inviti vin por la sekvanta danco.

(Ili gracie dancas dum sufiĉe longa tempo. Muziko ĉesas kaj la danco finiĝas.)

*Sonja:* Mi dankas. En ĉi tiu minuto mi estas tiel laca, ke mi devas iom ripozi. (Sinkas sur la kanapon kun spaco apud si por alia persono.)

Gerard: Tiam mi vin ne plu ĝenos. Cetere forgesu, se al vi plaĉas, ke ni iam renkontiĝis. (Salutas malvarme, kaj rapideme foriras.)

*Sonja* (salte leviĝante sed tro malfrue): Tiel finiĝas la romanco. (Deprenas la ganton, kaj metas ringon sur tablon. Muziko ekstere.) — Li neniam scios nun, li

neniam scios. Mi sentas nun, ke mi scias, kiel sentis la mortanta cigno.

(Dancas ne tro longe paŝojn el la Fama Danco.)

(La muziko ekstere ŝanĝiĝas, Sonja ĉesas danci, kaj eliras tra la fenestro al balkono.)

(Eniras subite Breton kaj Feja.)

*Breton:* Kie estas la ringo? Kie estas la ringo?

*Feja:* Mi scias nenion pri ringo.

*Breton:* Ho se mi nur povus ĝin malkovri...

*Feja:* Vi nur estas denove ridinde ĵaluza...

*Breton:* Mi trovos ion, mi trovos ion!

*Feja:* Estu avertita, Silvestro. Vi nutras en la koro sovaĝan beston, la ĵaluzon. Ĝi devoras la veran amsenton, kaj, instigante ĉiam pli kaj pli malbonajn pensojn en via cerbo, detruas vian homecon.

*Breton:* Ha, kion mi havas?

*Feja:* Se vi denove malsaĝe ĵaluzos, mi ĵaluzigos vin, ĝis vi ploros.

*Breton* (triumfe prenante ringon de la tablo): Jen mi havas la ringon!

*Feja* (lerte kaptante la ringon): Beleta ludilo. (Metas ĝin elegante sur la fingron.) Ha, estas diamanto. Bela amanto, kiu donas al mi diamanton, por ĵaluzigi la edzamanton. Nun mi iros en la dancsalonon kaj ekbriligos la diamanton, kaj sendube kavaliro savos la korpon de malfeliĉa Ginevra el la manoj de ĵaluzema ogro-edzo.

(Eliras kure.)

*Breton* (sola): Estas la ringo, kiun li donis al ŝi en Parizo. Kaj antaŭ miaj okuloj ŝi forkuras por doni sin al li, kiu estis nia plej bona amiko. Ho, mia tuta vivo ruiniĝis. Kaj mi amas ŝin, mi amas ŝin tiele... (Li sidas kaj kaŝas la vizaĝon en la manojn. Sonja aperas tra la fenestro kaj eniras.) Ho mi estas la plej malfeliĉa homo en la mondo.

*Sonja* (tuŝante lian vangon): Ekzistas ankaŭ alia malfeliĉa.

*Breton* (surprizite): Ĉu ankaŭ vi estas malfeliĉa, Sonja.

*Sonja:* Ho, jes, mi estas.

*Breton:* Sed vi ne havas edzinon, kiu vin trompis.

*Sonja:* Sed estas viro kiu kaŭzis al mi malfeliĉon.

*Breton:* Ĉu estas tiu Gerardo Fulro?

*Sonja:* Jesuo, kiel vi divenis? Mi lin amis tiel profunde, tiel elkore, kaj nun li forpuŝas min...

*Breton:* Jes, forpuŝas senkulpulinon, kaj preferas kulpan amon kun mia edzino...

*Sonja:* Kun Fenjo! Ho, ne, ne, ne, neeble!

*Breton:* Ho jes, kaj jes kaj jes! Ŝi portas eĉ nun ringon, kiun li donis al ŝi ĉe maskobalo en Parizo la lastan jaron, kaj ili reciproke interŝanĝis amjurojn.

*Sonja:* Ho, monstra! Estis du maskoj kaj domenoj, mi kaj ŝi. Li donis al ambaŭ — ho nekredeble — al ĉiu el ili ringon kaj ampromesojn. Ho fiaĉa viro, fiaĉaj viroj. La viroj ĉiam estis mensogantoj. Al ambaŭ el ni li donacis ringon, kaj interŝanĝis amjurojn... Kaj Fenjo senkulpe kulpa kiel mi... (Subite ŝi serĉas sur la tablo.) Sed kie estas la ringo, kiun mi ĵetis sur la tablon antaŭ ne longe? Sinjoro Breton, kie estas mia ringo...

*Breton:* Via ringo — mi ne komprenas — (Bruo ekstere, Breton kaj Sonja iras malantaŭ la ŝirmilon.)

(Eniras Feja sekvata de Gerardo.)

*Feja* (ankoraŭ ekstere): Hontu Sinjoro, ne agu kun mi tiel senhonte. (Ŝi aperas kun Gerard.) Ĉu la Ĉe-metodaj instruistoj kondutas tiel en ĉiuj landoj?

*Gerard:* Mi amas vin. (Provas ŝin kisi.)

*Feja* (evitinte lin): Kondutu malpli senhonte, sinjoro.

*Gerard:* Kaj vi ĵuris ami min. (Subite sukcesas forte ŝin kisi.)

*Feja:* Senhonta mensoganto. (Frapas lian vangon — krak.)

*Gerard:* Vi portas mian ringon!

*Feja:* Mi ne scias, kies ringo ĝi estas. (Formetas la ringon.) Mia edzo trovis ĝin sur la tablo kaj mi portis ĝin nur por ĵaluzigi la sentaŭgan, ĵaluzan, malbonhumoran (vidante lin) ventumil-rompantan edzaĉon.

*Sonja* (elirante de la ŝirmilo): La ringo estas la mia. (Prenas ĝin.) Mi intencis neniam malkovri la aferon, sed por ke la kara Fenjo estu senkulpigita, mi devas anonci ke mi ricevis la ringon de tiu sinjoro Fulro ĉe la maskobalo... (Surmetas la ringon).

*Gerard* (kaptante la manon de Sonja): Ho, imagi, ke mi ne rekonis ŝian dolĉan, elsorĉan voĉon!

*Sonja:* Mi rekonis vin tuj. Jen kial mi preskaŭ svenis.

*Gerard:* Kaj mi estis tiel bruta. Ĉu mi iam povos meriti vian pardonon. (Iras ŝin kisi.)

*Feja:* Haltu, junulo. Vi estas pasia, senbrida, pekema virbesto. Viro kiu scipovas kisi kiel vi povas kaj ĵus faris, estas danĝero al la publiko, ĝis li estas dresita, kaj jungita al bela edzino. Tiu donos al vi okupitecon. (Sonja kaj Gerard ŝteliras malantaŭ la ŝirmilon.) Kaj pri vi, edzo Silvestro Breton...

(Eniras Osbruk kun pleto kaj ĉampano.)

*Osbruk:* Mi bedaŭras, sinjorino, ke la gastoj formanĝis tute la glaciaĵon kaj koktajlojn. Jen...

*Breton:* For la glaciaĵon. Enportu ĉampanon.

*Osbruk:* Jen mi enportis, sinjoro. (Demetas la ple-



E. Preis *Staranta akto*

# Venigu!

**— Meinrad Lienert —**

La montara Lago de Lowerz.

La verda ondetaro revadas en la ombro de la Urmi-monto. Sur la Mythen kuŝas ruĝa brilo; ekkrepuskas. Nur la nimfeoj lumadas en la krepusko ĉirkaŭ la insulo Schwanaŭ ankoraŭ kiel kandeloj kvazaŭ ili festus eternan datrevenon por la fantomoj de la malnova kastela ruino.

Nun estingiĝas la lampeto, kiu ŝpareme lumigis la panelitan ĉambron de la malnova bienula domo. Pezaj paŝoj malsupren bruigas la ŝtuparon. El la domo ŝoviĝas la farmulo de la insulo, la maljuna peza kampulo Balzwerni. Kun siaj larĝaj ŝultroj kaj brakoj li aspektas kiel domo kun flankaj galerioj.

»Evi!«

»Jes, kion, patro?«

»Alportu al mi la tabakujon kaj la lanternon!«

El la domo ree aŭdiĝas paŝoj. Altkreskinta knabino rapidas sur la ŝtuparo. En unu mano ŝi portas la tabakujon, en la alia la lanternon. »Jen, patro, la objektoj.«

»Kion do vi intencas per la lanterno?« li murmuraĉis.

»Kial vi malĝentilas do? Vi ja postulis ĝin.«

»Ĉu vere«, li rediras grumb'e. »Diable aliaj pensoj tumultas en mia kapo, ol via lanterno. Mi intencas fiŝkaptadi sen lumo ĉi tiun vesperon.«

»Tiamaniere vi ne kaptos multe, paĉjo.«

Li palpebrume rigardas ŝin kaj respondas: »Okazas al mi hodiaŭ kiel al la apostoloj. Mi ĉi tiun nokton ree volas kapti homojn. Mi fine deziras surprizi la malican krimulon, kiu tiel inside vizitas miajn retojn kaj ŝtelas la fiŝojn. Se mi lin kaptos, li devos droni.«

»Jesuo, Dio kaj Patro!« ŝi ekkrias.

»Kian bruon vi pro tio faras?«

»Mi surpaŝis najlon, mi timas.«

»Kial ne eĉ sur dek«. Li suspekte rigardas ŝin. »Reiru nun tuj en la ĉambron al la radŝpinilo kaj metu kruĉeton da cidro por mi en la fornotruon, por ke mi havu ion por trinki, kiam mi revenos.«

»Jes, patro«.

El Steinen oni aŭdas la vente pelatan sonoriladon de la preĝa sonorilo. La maljunulo deprenas la peltĉapon de sia griza kapo kaj kun la filino laŭtvoĉe preĝas la Anĝelan Saluton. La arbegoj de la insulo zumas pro la nokta vento.

»La fripono, la kanajlo!« grumblas la maljunulo, »se mi lin surprizos, mi mortigos lin! Sed nun tuj supreniru!«

Evi reiras en la domon. Kaj la farmulo Balzwerni peze iras malsupren la rokan vojeton al la boata haltejo.

Tie troviĝas lia fiŝkapta boato. Li sidiĝas en ĝi, sed ne forveturas. Kelkan tempon li aŭskultas en la nokto, fumante sian pipon. Fine li ekstaras kaj forboatas. Senlaŭte li ĉirkaŭglitas la insulon. Nenio suspektinda estas aŭdebla. De tempo al tempo resonas ĝojekkrio de la nokta junularo el la valo de Steinen. Kelkfoje ankaŭ io klaketas en la nigra akvo. Iom post iom tedas lin la ĉirkaŭvagado sur la dormanta lago. »Li do ne venas«, li murmuras en si mem, »li eble rimarkis min. Aŭ li eĉ sidas transe sur la bordo ĉe Büelern kaj mokas pri mi. Estas ja malfacile por maljuna ĉashundo, kapti junan vulpon. Ke li povas esti nur Flüehli-Adamo, tion mi scias certege, mi ĵurus pri tio. Sed kiom utilas, se mi ne kaptas lin.« Preteririnte domon kaj kapelon, li ĉiam pli singardeme sekvas la murojn de la ruino. Nun li atingas la murmurantajn kverkojn post la ruiniĝinta kastelo. Ĉi tie estas timige. Kreve abrupta rokaro abismiĝas al la lago. Neniam ĝis nun li dumnokte venis al ĉi tiu loko, kie laŭdire fantomas jam de jarcentoj. Li timiĝis, kaj jam li intencas retiriĝi kiel eble plej rapide. Sed subite ŝajnas al li, kvazaŭ li vidus fantomi lumstrion ĉirkaŭ arbo. Li krucsignas, kaŝe petas ĉiujn sanktulojn helpi lin kaj faras ankoraŭ kelkajn paŝojn antaŭen.

Sed subite li haltas terurite. Antaŭ li kaŭras du nigraj, timigaj figuroj, kies gigantaj ombroj sur la altega muro de la ruino ĉiam denove ŝajnas ĉirkaŭbraki unu la alian. Jen do la fantomoj. Sed samtempe li rimarkas du lanternojn, kiuj pace staras unu apud la alia. Fariĝas strange en lia kapo. »Fantomoj, lanternoj« li murmuras; »diable: lanternoj, fantomoj —«. Nun li aŭdas paroli: »Evi«, sufiĉe laŭte diras vira voĉo, »ne estu do tiel timema. Balzwerni, via patro, neniam kaptos min. Por tio li estas multe tro malvigla«. — »Mi ĉiam estas tiel angora«, mallaŭte rediras virina voĉo, »li iam povus nin surprizi. Jam delonge li ion suspektas; ĉar li scias, ke vi amas min. Sed ĝis nun mi ĉiam bruligadis la lampeton en mia ĉambro, kiam li estis sur la lago, kaj tial li nepre opiniis, ke mi sidas ĉe la forno, preĝas rozarion kaj ŝpinadas. Estas certe ne tute sincere, trompi tiamaniere paĉjon kaj amindumi kun tiu, kiu rabas liajn fiŝojn«. — »Ho, vi timulino, vi ja scias, ke tio okazas nur pro legitima sindefendo. Ĉar se mi ne uzus ĉi tiun ruzon, por logi lin sur la lagon, ni ja neniam povus renkonti unu la alian.« — »Jes, sed nun iĝis pli danĝere: li serĉas vin sen lanterno. Tial ni ne plu povas vidi, kie li estas«.

»Bonan vesperon al vi ambaŭ, karaj fantomoj de Schwanaŭ!« La farmulo Balzwerni paŝas en la lumon de la lanternoj, »ŝajnas al mi, ke viaj lunatikaj

---

ton kaj elverŝas la fluidajon en glasojn. Eliras Osbruk. Dume Feja kaj Breton parolas inter si.)

*Breton:* Mi estas tiel ĝoja, ke mi eĉ ne scias, kiel peti pardonon. Mi estas feliĉa, malsaĝa, kaj la resto, kiaj vi nomis min.

*Feja:* Kaj estos dek baloj dum ĉi tiu vintro, kaj mi iros — certe iros al kelkaj el ili, kaj ankaŭ al la kongresa maskobalo. Nu, kie estas niaj geamikoj?

(Sonja kaj Gerardo eliras de malantaŭ la ŝirmilo).

*Breton* (al Gerard): Gerardo, neniam estu tiel malsaĝa kiel mi.

*Gerard:* Neniam.

*Sonja:* Kaj la korvo diris — Neniam!

(Ĉiu prenas glason da ĉampano.)

*Feja* (Toste): Jen, sukceson al ĉiu edzino, kiu devas ĵaluzigi malsaĝe ĵaluzan edzon. Kiel diras la Ĉe-metoda instruisto. Ĉu edzoj estas ĵaluzaj? Jes, edzoj estas ĵaluzaj. Bonan sanon!

(Ili ĉiuj trinkas.)

Kurteno.

FINO.

animoj sufiĉe bone amuziĝas. Oni do iomete okupiĝas levi trezorojn.«

»Jesuo, Dio en la ĉielo, la patro«, ekkrias Evi kaj terurite suprensaltas. »Nu, jen, Balzwerni!« kun grandaj okuloj rimarkigas Adamo, kiu trankvile restas sidanta. »Mi ja opiniis, ke vi nun estas sur la lago«.

La maljunulo ekridas kaj tiam bruegas: »Jes, certe, tio estus pli konvena por vi, vi fripono kaj kanajlo sur la akvo kaj sur la tero! Sed ĉifoje vi tamen estis iom tro malmulte ruza, vi, senmakula Adamo! Vi volis trompe enŝteli vin en mian paradizon, ĉar mi neniam estus permesinta, ke vi, mizera kornopurigisto, eniru ĝin laŭ la ordinara vojo.«

»Ho, paĉjo«, flate diras la knabino, »Adamo kaj Eva estu kune, kiel estas skribite en la biblio.«

»Atentu, mi volas igi vin citi la biblion«, furiozas la maljunulo, »vin, kiu per la stulta lampeto eksperimentas tiajn insidajn aferojn, vi, ruzulino! Sed nun sufiĉas. Vian sentaŭgan amanton mi trenos en la juĝejon. Fine mi lin surprizis«. Kaj li volas lin kapti.

»Ne, Balzwerni«, li ekkrias, »vi ne havas min ankoraŭ!

Li eksaltas el la musko, prenas la lanternon sur la tero kaj forkuras tra la arbetaĵo. La kampulo ektenas la alian lanternon, sed Evi kvazaŭ hazarde stumblis per ĝi, tiel ke ĝi estingiĝis. Kolere ekkriante la maljunulo, sekvata de sia filino, persekutas la junulon, kiu forkuras ĉe la malantaŭa terpinto. »Mi disŝiros lin, kiel oni dispecigas malnovan kovrilon de korbo!« tumultas la kampulo. Sed pro la malhelo li ne povas atingi la viglan Adamon. Ĉiumomente li ekpuŝiĝas per la kapo aŭ la piedo, kaj pro tio li tiom ekkoleriĝas kaj fanatikiĝas, ke li komencas saltegi kiel leono. Tial li ĉiam denove falas en la densejon. Kaj kiam li fine post senfrukta persekutado kaj tute gratita kaj lezita venas al la lasta pinto de la rokaro, Adamo jus debordiĝis kaj ridante vokas: »Balzwerni, pardonu, ke mi ĉi tiun fojon tiom devas rapidi hejmen. Sed mi baldaŭ revenos!«

»Neniam plu«, post li krias la maljunulo, kiu ĵus ree falis pro arba radiko. »Dum mi vivas, via fiŝboato ne plu albordiĝos al la insulo. Mi bone atentos, estu certa. Ke oni voku dekmilfoje de la transa bordo: Venigu! mi ne laciĝos. La tutan mondon mi transveturigos. Sed vin, mi ĵuras, mi neniam venigos, eĉ se vi genuiĝos antaŭ mi. Se mi tion iam ajn faru, tiam vi, povos havi, pro mi la friponinon. Sed antaŭ ol tio okazos, la mondo krevos.«

La rembatoj baldaŭ ne plu aŭdiĝas. La maljuna Balzwerni, murmurante kaj blasfemante amblas post sia filino, kiu rapidas al la kampula domo, kun la ree brulanta lanterno, tra la arbetaĵa rokaro.

Kiam Evi alvenas en sia ĉambreto, ŝi mallaŭte forŝovas vitraĵeton. Susuras super ŝi kaj sur ŝian helkoloran verton falas blankaj folioj de sovaĝaj ĉerizfloroj, tiel ke ŝajnas, ke blanka fianĉina krono kuŝas sur ĝi. Ŝi atente rigardas transen al la proksima bordo. Tie lumeto iras tra la nokto. Nun ŝi trifoje signas per sia lanterno, kaj trifoje ekbriletas transe sur la bordo. Tiam la lumo tie malaperas. Senbrue la knabino fermas la fenestreton kaj estingas la lanternon.

Bela tago en Majo. Tiam kaj tiam en la arboj de la insulo Schwanaŭ ludas la varmeta posttagmeza vento kaj la petaloj de la sovaĝaj ĉerizarboj dancas super la ŝindotegmento de la kampula domo kaj super la ŝtona deklivo al la ruino, tiel ke ili ŝajnas kovritaj de neĝo.

Ĵus la verda, mallarĝa fiŝboato debordiĝas de la insulo. En ĝi staras kun larĝa, klinita dorso la kampulo Balzwerni, kaj sur la fiŝokesto sidas lia filino Evi, ligante la blondajn harplektojn en plurobla krono ĉirkaŭ sian kapon.

»Mi do veturigas vin al Büelern.« ... »Jes, paĉjo«.

»De tie vi supreniros en la arbaron Stockenen sub Ottenfels kaj kolektos tiom da fag-branĉetoj, kiom vi povos. Portu ilin malsupren al la bordo, kaj tiam vi min vokos: Venigu! mi hejmen veturigos vin kun la foliaro«.

»Jes, paĉjo. Sed kial ni ne kolektu la foliaron sur la insulo? Estus ja pli ol sufiĉe ĉi tie«.

»Ni devas havi junan, freŝverdan foliaron, kaj tia estas trovebla ankoraŭ nur sur la ombra flanko de Ottenfels. Aldonu ankaŭ belan faskon da arbaraj kaj kampaj floroj. Mi volas ornami ne nur la domon, sed ankaŭ la kapelon.

»Paĉjo«, ridante demandas la knabino, »kio do okazas; ĉu vi volas edziĝi ankoraŭ unu fojon?«

»Ne parolu tiel stulte, vi ansero!« li kolerete murmuras, »mi estus kontenta, se mi povus meti vin de.e sub kufon.«

»Paĉjo, vi bezonas nur permesi, ke Flüehli-Adamo ... «

»Silentu pri tiu!«

»Jes«, ŝi obstinas, »sed en tiu okazo vi po as mem surmeti kufon.«

Li ekridegas. Poste li kolerete diras: »Estas pro la vizito, kiun ni morgaŭ havos. Morgaŭ venos el Schwyz nia feŭdestro, generalo Aufdermaur, kun kelkaj sinjorinoj, por vagadi, horeton aŭ du, sur la insulo.



L. Barta *Sidanta akto*

Kaj pro tio estas necese, mi opinias, ornami iomete la domon kaj bienon.«

»Jes, tio estas necesa, sed«, ŝi demandas surpriprizite, »kial do la generalo povas nin viziti tiel neatenditе? Mi ja opiniis, ke li deĵoras ĉe la hispana reĝo.«

»Certe, tiel estas«, respondas la maljunulo, »sed lin suferigis la nostalgio, kaj ĉar oni ne volis doni al li libertempon — la reĝoj ja ne bone dormas, kiam ili ne scias, ke iliaj svisoj staras en la antaŭĉambro — li iris al la reĝo kaj diris: »Via moŝto, miaj subuloj sur la insulo Schwanaŭ ribelas, mi devas iri hejmen senprokraste!« Kaj la reĝo donis al li mallongan forpermeson. Nun li estas ĉi tie.«

»Tio estis ruza de li«, ŝi diras.

»Tenu vin bone, aŭ vi falos en la akvon!« La boato grincas sur la sablo de la bordo. »Kaj nun eliru kaj rapidu! Kiam vi poste pretigis la foliaĵon, voku min tre laŭte, ĉar mi estos malantaŭ la domo, kie mi devas plibonigi la krutan vojon.«.. »Jes, paĉjo.«

Ŝi saltas sur la bordon kaj la kampulo remas al la insulo, eĉ ne unu solan fojon rerigardante al sia filino.

Sed Evi dume deŝiris taŭgan vergon en la surborda bosketo, per kiu ŝi nun kaptas nimfeojn. Ŝi volas kolekti kelkajn plenmanojn el la ĵus ekflorintaj akvofloroj por la nobla vizito, antaŭ ol supreniri en la arbaron. De tempo al tempo ŝi scivol'eme rigardas al la vojkurbo, post kiu staras la Flüehli-domo, kie loĝas ŝia amato. Tiam ŝi eĉ zumas la kanton de Gemma de Arth, dume ŝi daŭrigas kapti kaj altiri al si pluajn nimfeojn. Subite iu ektiras ŝian robon.

»Jes, ja, Adamo!« ŝi ekkrias kaj turniĝas.

»Jes, vi!« ŝi malicete minacas per la fingro. »Ĉu vi eble vidis min veni?«

»Mi vidis vin alveturanta sur la lago kun la patro. Pro tio la herbejĉaro elglitis el miaj manoj. Venu do, ni volas pretigi la foliaron.«

»Sed vi devas esti saĝa.«

»Saĝega kiel radeto de veturilo: mi ne forlasas vin eĉ unu momenton«.

Ŝi ekridas. Poste ŝi stakete ordigas la kolektitajn nimfeojn apud la vojrando. Kaj rapide ili troviĝas en la arbaro. Post mallonga supreniro ili ambaŭ komencas disrompi la branĉetojn kun la silke delikataj folioj. Tra la fagoj, tie kaj ĉi tie, bril'as peceto de la blua ĉielo, kelkfoje eĉ speguleto de la montara lago. Estas ĉarma silento inter la arboj. Baldaŭ Flüehli-Adamo alportas grandegan faskon da branĉoj kun brile verdaj folioj kaj Evi tenas en siaj manoj belan bukedon da orkoloraj primoloj kaj grandstelaj anemonoj. Kaj kiam du faskoj da fagaj branĉoj estas pretaj, la junulo prenas unu kaj singardeme ĝin malsupren portas al la lago, kaj Evi, kun antaŭtuko plena de floroj, sekvas lin ridante.

Krepuskas en la valo. Vespera nebuleto, facila kiel araneaĵo, kuŝas super la lago de Lowerz, kaj super la Malgranda Mythen brilas la vespersteIo.

Jen Adamo salte ekstaras de sia fagbranĉa fasko kuŝanta ĉe la bordo, tenas la manojn ĉirkaŭ la buŝo kaj laŭte vokas al la insulo Schwanaŭ: »Venigu, venigu!« — »Venigu!« resonas malproksima eho de la Urmi-monto.

»Jesuo«, terurite ekkrias Evi kaj ŝiaj floroj falas sur la stakon da nimfeoj, »kial do vokas vi? Li ja ekkonas vian voĉon, vi ruinigas ĉion.«

»Jes«, li opinias, »mi ne devus voki mem, sed subite io min kaptis. Mi tro volonte estus ĉe vi sur la insulo tage kaj nokte. Karulino, tage kaj nokte. Nu, estas nun vokite. Vere ne povas esti tre malfavore. Via patro ja ne estas tiel divenema.«

Ŝi ridas. »Ne, dank' al Dio, tia li ne estas.«

»Silente, io moviĝas transe!«

Ĉe la proksima insulo la akvo ekmurmuras. Jen Flüehli-Adamo jam surventre kuŝas en la arbetaĵo. Kaj la knabino ekgenuas kaj rekolektas siajn florojn.

»Ĉu li venas?« — Kaŝite ŝi rigardas al la insulo. Tra la nebuleto ŝi rimarkas sian patron, kiu en tiu momento debordigas sian boaton. »Jes, li venas, kaŝiĝu!« La rembatado rapide alproksimiĝas.

»Evi!« — »Jes, paĉjo!«

»Kiom da tempo vi do bezonis por amasigi la foliaĵon!«

»Pro tio mi ja pretigis sufiĉan kvanton, paĉjo.«

La boato grincas sur la bordosablo. Singardeme la kampulo Balzwerni elgrimpas, altirante iom la boaton. »Oj, vi vantulino«, li, rigardante la stakigitan fagobranĉetaron, rimarkigas kolerete; en tiom da tempo mi malsuprenvenigus pli da foliaĵo ol la tumultanta feno.«

»Paĉjo, tio estas nur la duono, la alia duono ankoraŭ troviĝas supre en la arbaro.«

»Ĉu vi ne povis alporti ankaŭ tiun?« — »Estis tro peze al mi.«

»Do, ŝajne, mi mem devas venigi la alian parton«, li malkontente murmuras, »kie ĝi estas?«

»Jen supre, iru nur rekte inter la du kverkojn, vi trovos ĝin facile.«

»Diable, diable, kiom da peno pro la stulta foliaĵo kaj la bagatelaj floroj! Sed la noblaj virinoj ja pli avidas pri tio ol frandemaj kaprinoj pri verda heĝo. Nu do, mi tion faros. Eble la generalo konsentos al mi, en la aŭtuno, iom da rabato de la procento. Loku dume ĉi tiun stakon en la boaton!« — »Jes, paĉjo.«

La maljunulo forpistas, sed subite li turniĝas, demandante: »Evi, ĉu vi mem antaŭe vokis al mi: Venigu?« — »Kiu alia do povus esti vokinta, paĉjo?«

Li suspekte rigardas ŝin. »Ne ludu la rolon de senkulpa naivulino. Mi ja scias, kia insidema sorĉistino vi estas. Ŝajnas al mi, kvazaŭ mi estus aŭdinta la voĉon de Adamo.«

Ŝi tute ruĝiĝas. »Paĉjo«, ŝi diras, »vi ja devis vin trompi. Mi nur vokis tiel laŭte, ĉar vi rimarkigis, ke vi laboros post la domo kaj alimaniere ne aŭdus min.«

»Povas esti, mi ne scias«, li murmuras, »sed

## ĈUDO

*– Alex Kay –*

Ho ludo, dolĉa ludo, vi saĝo de sensenco,
Oaz' de freŝaj fontoj, malgranda paradizo
Loganta en dezerto de nia vivo-grizo,
Por ĉiuj vivozorgoj plej rara rekompenco,

Nobliĝas per vi proza krudeco de l' esenco
De l' tera amo; kovras, per sorĉa improvizo,
Ĉion kulisoj feaj kun brilo kaj irizo,
Patrino de l' scivolo, de l' arto, de l' scienco!

Ho, se ni fine lernus ekludi jam sen masko,
Ne plu posedavide, glavtinte, trompe, turpe,
Ne kun ponard' kaŝita perfide sub la basko,

Sed gaje kaj sincere, sencele kaj senkulpe,
Kiel la bunta brilo de l' plumoj de kolibroj,
Aŭ kiel sur kristalo irizaj lumovibroj!

certe, mi ne fermos miajn okulojn, duan fojon vi ne plu trompos min.«

Li malaperas en la arbaro, kaj baldaŭ Evi aŭdas la kraketadon sub liaj paŝoj pli supre.

»Karulino!« — Flüehli-Adamo rampas el la arbustoj.

»Vidu, preskaŭ li rimarkis vin.«

»Tuj, rapidu, Evi, alie mi malsukcesos, kovru min, rapide kovru min!«

La junulo saltas en la boaton kaj dorse kuŝiĝas sur la plankon. Kaj Evi komencas tiel fervore meti sur lin la fagobranĉojn, ke li estas tute kovrita de ili. Sed lian vizaĝon ŝi lerte kovras per nimfeoj, primoloj kaj anemonoj. — »Ĉu vi jam povas spiradi?« — »Jes, kiel fajro-blovilo!«

»Pst, li venas!«

Kraketas kaj rompobruas en la arbaro, la kampulo estas alvenonta. Nun li eliras el la densaĵo, sur la brakoj portante ŝarĝon da verdaj fagobranĉoj. »Jen«, li profunde ekspiregas, »vi tamen kolektis pli multe ol mi pensis. Vi estas vere lerta kaj taŭga knabino, kiam vi volas.«

»Oj!«

La maljunulo ĵetis en la boaton la tutan branĉaron.

»Kial vi tiel krias?« li alparolas ŝin malafable kaj indigne.

»Nu ja«, ŝi kun kolereta paŭtbuŝo rediras, »vi dispremis miajn belajn florojn, patro.«

»Kion, la florojn? Vi ja povas ilin ree malkovri. Vi, virinoj, ĉiam havas ion por plendi kaj lamentadi.«

Li prenas la kelkajn branĉojn, kiuj ankoraŭ kuŝas sur la vojo kaj enpaŝas la boaton. Lia filino jam tie troviĝas en la verdaĵo kaj klopodas fortiri la branĉetojn kuŝantajn sur la floroj. La kampulo ektenas la remilojn. Malrapide la boato glitadas al la insulo.

Jam la luno lumas tra la altaj kverkoj de la roka insulo.

»Morgaŭ la vizito havos belan veteron«, murmure diras la maljunulo, rigardante supren al Wildispitz.

Jen la boato puŝiĝas kontraŭ la ŝtona bordo de la insulo.

»Eliru!« grumblas la kampulo. — »Tuj, paĉjo, iru do unue, mi samtempe volas kunporti ankaŭ la florojn.«

La kampulo Balzwerni formetas la remilojn, ĉirkaŭbrakas faskon da fagobranĉoj kaj surpaŝas la bordon.

Nun aŭdiĝas post li klakado kaj gluglado. Kiam li mirante turnas sin, lia filino ekkaptas la remilojn kaj laŭtege vokas: »Adamo, kie vi estas?«

Jen tiel ekknaras kaj ekkrakas en la boato, ke tiu ĉi ektremas kaj balanciĝas, kaj Evi nur pene povas sin defendi kontraŭ falo. Kaj nun gapas krispa kapo el la freŝverda fagofoliaĵo kaj ekkrias: »Jen mi estas!«

»Mil tondroj!« La maljunulo forĵetas la branĉaron el siaj brakoj.

Kaj tuj la tuta Adamo elsaltas el la foliaĵo kaj ekridegas en la lunhelan nokton.

Unu momenton Balzwerni rigardaĉas kiel lernejestro, kies kolbason formanĝas la kato, aŭ kiel tiu, al kiu perdita proceso estas anoncata. Sed poste li eksaltas, freneze, kiel tondita hundo de sur formikejo kaj furiozas sur la bordo, kiel la edziniĝemo en maljunaj fraŭlinoj. Unue li volas en la akvon, sed li ĝustatempe memoras, ke ĝi estas malseka. Tiam li dancadas tien kaj reen, kvazaŭ li devus instrui viglan valson al la paro en la boato. »Atendu«, li ekkriegas, »fripono, mi strangolos vin, kiam mi vin kaptos! Kaj vin, ruzega sorĉistinaĉo, mi dronigos en la akvo, kiel plenneston da ĵus naskitaj katoj, kiam mi vin kaptos!«

»Patro, paĉjo«, plorante diras Evi, sidiĝante sur la fiŝkeston, »ne ekscitiĝu tiom, estu do prudenta! Mi nepre ne volas alian ol Flüehli-Adamon, li ja estas tre saĝa junulo!«

»Kanajlo li estas, virinoŝtelanto!«

»Jes, se vi volas tiel konduti kontraŭ ni«, diras Adamo, staranta ĉe la remiloj, »tiam nia boato ree forvelos. Vi poste povos atendi, ĝis kiam la lago glaciiĝos, se vi volas sekvi nin. Sed, se vi, unuafoje, estas honesta viro, vi mem devas konstati, ke iam vi de la insulo kriis al mi, ke mi ricevos Evi, kiam vi mem veturigos min al la insulo. Nu, tion vi ja faris. Ĉar estas mi, kiu vokis vin: Venigu!«

»Jes, ja, nepre kaj certe, paĉjo!«

»Vulpo, vulpo!« kriegas la maljunulo, »vi sufiĉe bone scias, ke ne tia estis mia opinio!«

»Balzwerni«, respondas la junulo, »mi ne estas juristo. Mi komprenis laŭvorte, kiel vi diris kaj mi ŝlosis vian parolon en mia anima paco«.

»Sed mi ne volas!« furioze kriaĉas la maljunulo.

»Sed mi volas«, rediras Adamo. Li mergas la remilojn en la akvon kaj, malgraŭ la ofendaj vortoj de la maljunulo, kun la singultanta Evi li trankvile forveturas de la insulo tra la nokto. Post la boato montriĝas, en la lunbrilo, mirinda ora strato.

El Steinen aŭdiĝas la venteblovata sonorado de la vesperaj sonoriloj.

Jen el la insulo Schwanaŭ, kontraŭ la proksima bordo sub la Ottenfels iu vokas: »Alveturu!«

Dum kelka tempo ĉio restas tute silenta. Nur la ondoj susuretas en la sablo.



L. Barta *Trinkanto*

# La bestio

— Bert Brecht —

Kiel multsignifa povas esti la konduto de homo, montris antaŭ ne'onge okazaĵo en la Moszropom-Rusfilmatelieroj; ĝi estis eble sensignifa kaj restis ankaŭ sen sekvoj, sed havis tamen en si ion teruran.

Dum la filmado de la »Blanka aglo«, kiu filmo montras la pogromojn en suda Rusujo antaŭ la milito kaj malkaŝas la konduton de la tiama polico, aperis en la atelieroj maljuna viro kaj petis pri okupo. Li penetris ĝis la pordistloĝio de la ekstera enirejo kaj diris al la pordisto, ke li volas atentigi la kompanion pri sia eksterordinara simileco al la fama guberniestro Muratov. (Muratov estis la iniciatinto de tiuj sangaj interbatiĝadoj; li ludis la ĉefrolon en la dirita filmo.)

La pordisto ridis pri li, sed ĉar temis pri maljuna viro, li ne montris al li tuj la pordon, kaj tiel staris la longa, malgrasa viro, kun la ĉapo en la mano, neĉeestante en la tumulto de la aktoroj kaj atelierlaboristoj, ŝajne ĉiam ankoraŭ kun malgranda espero gajni pro sia simileco kun la fama sanga hundo panon kaj loĝejon por kelkaj tagoj.

Preskaŭ unu horon staris la viro tiel, ĉiam cedante por fari lokon, fine li estis repuŝita malantaŭ la pupitron, kiam li senatende devis tamen veki atenton. En la filmado ĝuste tiam estis paŭzo kaj la aktoroj diskuris al la refreŝiĝejoj aŭ dise staradis babilante. La konata moskva artisto, Koĥalov, la prezentanto de Muratov, iris en la pordistloĝion telefoni. Dum li staris ĉe la aparato, li estis avertita de la ridanta pordisto kaj turninte sin, li rimarkis, ĉe laŭta ridado de la ĉeestantoj, la viron malantaŭ la pupitro. Koĥalov estis ŝminkita laŭ historiaj fotografaĵoj kaj ĉiuj ekkonis la »eksterordinaran similecon«, pri kiu la viro malantaŭ la pupitro rakontis al la pordisto.

Duonhoron poste la maljunulo sidis inter la reĝisoroj kiel la 12-jara Jesuo en la templo, kaj traktis kun ili pri sia akcepto. La traktadoj estas tre faciligitaj, ĉar Koĥalov jam dekomence ne estis tro ema riski sian popularecon per tio, ke li ludus tian evidentan bestion. Li konsentis subite, ke oni faru provon pri la »similulo«.

En la Moszropom-Rus-filmatelieroj tute ne estis eksterordinare, ke oni donis historiajn rolojn, anstataŭ al aktoroj, al similaj tipoj. Tiuj personoj estis traktataj laŭ tute specialaj reĝimetodoj kaj tiel oni priskribis al la nova Muratov simple la nudan historian enhavon de la okazaĵo, kiu devis esti filmata, kaj oni petis lin ludi unufoje prove Muratovon ĝuste tiel, kiel li imagas lin. Oni esperis, ke al la korpa simileco kun la vera Muratov respondos ankaŭ ia simileco en la konduto.

Oni elektis la scenon, en kiu Muratov akceptas la deputacion de hebreoj, kiuj lin petegas, ke li ĉesigu la pluan murdadon. (Manuskripto paĝo 17: La deputacio atendas. La apero de Muratov. La ĉapon kaj sabron li pendigas sur la tenilon ĉe la muro. Iras al la skribotablo. Foliumas en la matenaj gazetoj ktp.) Iom ŝminkita, en la uniformo de la imperiestra guberniestro, eniris la »similulo« en la filmejon, kies unu parto reprezentas la historian laborĉambron en la guberniestra palaco, kaj li ludis antaŭ la tuta stabo de reĝisoroj jenan Muratovon, »kiel li imagas lin.« Li ludis lin en sekvanta maniero:

(La deputacio atendas. Apero de Muratov.) La »similulo« eniris rapide tra la pordo, kun la brakoj antaŭe en la poŝoj, kun malbona, antaŭenklinita korpteno. (Pendigas la ĉapon kaj sabron sur la tenilo ĉe l' muro.) Ŝajnas, ke tiun ĉi reĝi-regulon la »similulo« forgesis. Sen sin senvestigi, li tuj sidiĝis ĉe la skribotablo. (Foliumas en matenaj gazetoj.) La »similulo« faris tion tute neĉeestante. (Komenciĝas la demandesplorado.) La riverencantajn hebreojn li tute ne rigardis. Heziteme li formetis la gazeton, ŝajnis, ke li ne scias, kiel trovi la trairon al la demandesplorado de la deputacio. Li tute simple haltis kaj turmentate rigardis la stabon de reĝisoroj.

La reĝisoroj ridis. Unu el la asistantoj leviĝis ridetante kaj — kun la manoj en la poŝoj — eniris la scenon, sidiĝis apud la »similulo« ĉe la skribotablo kaj provis helpi al li daŭrigi.

»Nun venas la manĝado de pomoj,« li diris kuraĝigante. »Pri Muratov estis konata la manĝado de la pomoj. Lia aktiveco konsistis, krom en liaj bestaj ordonoj, ĉefe en la manĝado de la pomoj. La pomojn li tenadis en tiu ĉi tirkesto. Vidu, jen estas la pomoj«. Li malfermis la tirkeston de la skribotablo ĉe la maldekstra mano de la »similulo«. »La deputacio do nun aperos kaj kiam la unua komencos paroli, tiam vi manĝos vian pomon, filo mia«.

---

»Alveturu! Alveturu!«

Tuj transe boato debordiĝas. Baldaŭ ĝi ekvidiĝas el la blua krepusko kaj singardeme alproksimiĝas al la insulo.

»Ĉu vi vokis, paĉjo?«

»Jes, vi ruzulino!«

Nun la boatisto rektiĝas kun la remiloj kaj demandas kun tremetanta voĉo: »Vi do estas kontenta, Balzwerni, kaj permesas, ke ni geedziĝu?«

»Mi cedas«, kolerete li grumblas sur la bordo, »mi certe reguligus la aferon kun Adamo, sed mi suspektas, ke li tro akre mordis en la pomon.«

Evi kun plenbrako da floroj saltas sur la bordon kaj per ili surŝutas la patron. »Paĉjo, kara paĉjo«, ŝi karesas, »Adamo kaj Eva estu paro, kiel estas skribite en la biblio!«

»Jes, ja, vi grandega ruzulino!« li grumblas.

Intertempe Flüehli-Adamo saltis al la bordo kaj altiris la boaton. Per ambaŭ brakoj li ekprenas ŝarĝegon da fagbranĉoj kaj ekkrias: »Balzwerni, mi volas helpi vin ornami la domon kaj bienon. La generalo, via feŭdestro, kiam li venos morgaŭ, devos vidi, ke la paradizo denove estas malfermita por Adamo kaj Eva.«

Kiel sovaĝulo, li suprenrapidas la rokan vojeton. De sub la pendantaj brovoj la maljunulo ŝtelrigardas sian filinon, kiu kun brilaj okuloj sekvas la forkurantan Adamon. »Kolektu la nimfeojn, Evi«, li diras preskaŭ ĝentile, »ankaŭ vi ja certe volas meti belan bukedon en vian ĉambron.«

Singulte ŝi ĉirkaŭbrakas lin.

Kaj de la alta ruino sub la susurantaj kverkoj ĝojkrio eĥadas super la montlago de Lowerz, pli gaja ol dancmuziko.

El la svisgermana: *J. Schmid.*

La »similulo« aŭskultis la junan homon kun plej granda atento. La pomoj ŝajnis je li efiki.

Kiam la sceno estis rekomencita, Muratov, per la maldekstra mano, efektive prenis el la tirkesto malrapide pomon kaj dum per la dekstra mano li komencis desegni sur la papero literojn, li formanĝis la pomon, cetere entute ne speciale gluteme, sed tute laŭkutime. Dum la deputacio esprimis sian peton, li estis nun vere okupita nur pri sia pomo. Post kelka tempo, dum kiu li ne priaŭskultis, li faris, meze en la frazo de unu el la hebreoj, rapidan movon per la dekstra mano, kiu tranĉis la frazon kaj la aferon entute finis.

Nun turnis sin la »similulo« demandeme al la reĝisoroj kaj murmuris: »Kiu ilin forkondukos?«

La ĉefreĝisoro restis sidanta: »Nu, ĉu vi jam finis?«

»Jes, mi pensis, ke ili estos forkondukitaj«.

La ĉefreĝisoro sin turnis ridetante kaj diris: »Tiel simple ja ne estas pri la bestioj. Vi devas tamen doni al vi iom pli da peno«. Kaj li leviĝis kaj komencis ripeti kun li la scenon ankoraŭ unufoje.

»Tiel kondutas nenia bestio«, li diris, »tiel kondutas malgranda oficisto. Rigardu, vi devas pensi. Sen pensado la afero ne iros. Vi devas imagi tiun sangan hundon. Tiel, en la malgranda fingro, vi devas lin havi. Eniru ankoraŭ unufoje«.

Li komencis nun konstrui la scenon el drama vidpunkto. Li akcentis kaj karakterizis. La »similulo« ne montris sin mallerta. Li faris ĉion, kion oni al li diris, li eĉ faris tion ne malbone. Li ŝajnis same kapabla prezenti bestion, kiel iu ajn alia. Li nur, ŝajne, havis malmulte da propra fantazio. Post duonhora laboro aspektis la sceno jene:

(Apero de Muratov.) La ŝultroj malantaŭe, la brusto streĉita, maldelikataj kapmovoj. De la pordo per akcipitra rigardo li traflugis la riverencantajn hebreojn. (Pendigas la ĉapon kaj sabron sur la tenilon.) La mantelo falis teren, li lasas lin tie. (Iras al la skribotablo. Foliumas en matenaj gazetoj.) Li serĉas la teatrosciigojn sub la linio. Per la mano li frapas la taktón de populara kanzono. (Komenciĝas la demandesplorado.) Per banala movo de la mandorso li resendis la hebreojn tri metrojn malantaŭen.

»Vi ne komprenas. Kion vi tie ĉi faras, ne estas ebla« diris la ĉefreĝisoro. »Tio estas tute simpla teatro. Malbonulo de la malnova skolo. Kara viro, tio ne estas, kion ni imagas al ni hodiaŭ kiel bestion. Tio ne estas Muratov.«

La reĝisoroj leviĝis kaj komencis insisti al Koĥalov, kiu rigardis. Ĉiuj parolis samtempe. Fariĝis grupoj, la estaĵo de la bestio estis pritraktata.

Sur la historia seĝo de generalo Muratov, en antaŭenklinita, malbona korptenado, sidis la »similulo« forgesita, turmentite rigardanta antaŭ sin; tamen li aŭskultis. Ŝajne li sekvis precize la diskutojn. Li penis kapti la situacion.

Ankaŭ la prezentantoj de la hebrea deputacio partoprenis en la diskuto. Iom da tempo oni aŭskultis du statistojn, maljunajn hebreajn loĝantojn de la urbo, kiuj estis siatempe anoj de la nomita deputacio. La maljunuloj estis akceptitaj, por ke la sceno fariĝu ankoraŭ pli naturfidela kaj karakteriza. Mirinde, ili trovis, ke la plej unua ludo de la »similulo« ne estis malbona. Ili ne povas diri, kiel ĝi impresis aliajn, nepatroprenintajn, sed je ili siatempe faris teruran impreson ĝuste tiu laŭkutima kaj burokrata konduto. Tiun reproduktis la »similulo« sufiĉe naturfidele. Ankaŭ, kiel li dum la unua sceno manĝis la pomon, entute mekanike; dum ilia interparolo tamen Muratov ne manĝis pomon. Tion unu el la reĝisoroj rifuzis: »Muratov ĉiam manĝis pomojn«, li diris akre. »Ĉu vi entute ĉeestis?«

La hebreoj, kiuj ne volis fariĝi suspektindaj, ke ili ne estis inter la tiamaj mortkandidatoj, retiris sin timigite post tiu supozo. Muratov manĝis la pomon eble mallonge antaŭ aŭ mallonge post ilia aŭdienco.

En tiu momento ekestis movado en la grupo ĉirkaŭ Koĥalov. La »similulo«, forpuŝinte flanken la antaŭ li starantajn, penetris ĝis la ĉefo. Li komencis alparoli ilin kun rapidema kaj avida esprimo en sia malgrasiĝinta fizionomio. Ŝajne li ekkonis, kion tiuj homoj volas de li kaj pro timo perdi sian panon, venis al li ideo. Li faris nun proponon:

»Mi pensas, ke mi scias, kio ŝajnas al vi neklara. Ĝi devas esti bestio. Rigardu, tion ni povas tamen fari per la pomoj. Supozu simple, ke mi prenos pomon kaj tenos ĝin al la hebreo antaŭ la nazo: »Manĝu«, mi diras: »Kaj dum li — atendu« — li turnis sin al la prezentanto de la gvidanto de l' deputacio, »dum vi manĝos la pomon, pensu, ĝi restos al vi en via mortangoro nature en la gorĝo, sed vi devas ja la pomon manĝi — se mi, la guberniestro, ĝin al vi donas — mi ĝuos tion, tamen tute ĝentile, de mi ja tio estas ĝentila gesto kontraŭ vi, ĉu ne,« li turnis sin denove al la ĉefreĝisoro, »mi ja dume povas subskribi la mortkondamnon. Kaj li, kiu manĝas la pomon, tion vidos.«

La ĉefreĝisoro rigardis lin dum momento rigide. La maljunulo staris antaŭenklinita, malgrasa, ekscitita kaj velkinta — antaŭ li, pli granda je tuta kapo, tiel ke li povis rigardi super lia ŝultro, kaj momenton la reĝisoro kredis, ke la maljunulo volas lin moki, ĉar li pensis rimarki en liaj lumetantaj okuloj ian rapidan



L. Barta *Meditanta knabino*



# OBSERVO

## NANCY JOHNSTONE: HOTEL IN SPAIN

Kiel interesa kaj diverskolora estus la historio de la popoloj, se ni ne lernus en la lernejo pri la sep romaj reĝoj, kiuj verdire ne ekzistis, pri la militoj kaj malbonagoj de la grandaj sinjoroj, pri la ribeloj de la sklavoj, sed se oni donus al ni kiel fontojn la taglibrojn kaj leterojn de virinoj, kuir- kaj lav-notojn. Bedaŭrinde en la pratempo la virinoj nur malofte kuraĝis skribe rakonti, kion ili pensis kaj travivis. Nur la sincera Lieselotte von den Pfalz, la bonega vivoforta patrino de Goethe kaj la sprita Madame de Sévigné faris tion, kaj tiel ili atingis senmortan famon. Bedaŭrinde ankaŭ en nia tempo nur malofte okazas, ke virinoj verkas vivoveran, konvinkan vivraporton.

Sed tamen kelkfoje virina estaĵo kuraĝiĝas kaj nature kaj serene skribas tion, kio ŝajnas al ŝi valora por surpaperigo. Kaj nun okazas io neatendita: la leganto de nia tempo, kutimiĝinta al la plej strangaj, sensaciaj aferoj, komencas legi unue hezite, poste amuzate kaj finfine ensorĉite Ja en ĉiuj aferoj de la ĉiutaga vivo dormas kanto, kaj kiu sukcesas ĝin laŭtigi, tiun oni ĝoje aŭskultas. Tiel ankaŭ la junan irlandan ĵurnalistinon Nancy Johnstone, kiu rakontas en sia libro »Hotel en Spain«, kio okazis al ŝi kaj al ŝia edzo Archibald, skotlanda ĵurnalisto, kiam ili realigis la strangan ideon konstrui hotelon en Hispanujo.

Ĉe la Costa Brava, inter Barcelona kaj la franca limo, situas la loko Tossa. Tie la junaj geedzoj, antaŭ kelkaj jaroj, post malfacila ĵurnalista laboro, trovis per hazardo libertempan ripozon. Ili estis ravitaj de netuŝiteco de la regiono kaj de la tieaj homoj. »Ĉi tie oni devus resti!« ili pensis, kaj, kiel en fabelo, ili jam en la samaj tagoj senatende ricevis malgrandan heredaĵon, tro malgrandan, por vivi per ĝi en Anglujo, sed sufiĉe grandan, por konstruigi per ĝi hotelon en Tossa. Por la realigo de sia ideo la junaj homoj kunportis krom la malgranda sumo ankoraŭ ion alian: nepran nescion pri la aferoj kaj mirindan mankon de spertoj kaj nebulan imagon pri Hispanujo kaj pri la loĝantoj de tiu lando. Ili ne povis eliĝi el la mirado. Jam la aĉeto de la konstruterenо estis mistero. Necesas, ke neniu sciu, ke oni intencas ion aĉeti. Poste oni eventuale povas ĝin akiri. Ĉio, kio okazas, estas surprizo La posedanto de la hotelo, en kiu ili loĝis kiel gastoj, salutas ilian decidon konkuri kun li, kun vere kataluna, ĉarma ĝojo. Ĉiutage ili denove spertas, ke ĉi tie la homoj estas treege afablaj, oni povas ricevi multon donace, sed malfacile estas ion aĉeti. La katalunoj nevolonte vendas, ili hezitas, kutimas rekomendi prefere la vendejon vid-al-vidan. Ili estas nek mon-, nek laboravidaj. Se Nancy volas, ke la laboristoj faru ĉe la domkonstruo kromhorojn, ŝi devas peti kun larmoj en la okuloj; al virinlarmoj neniu kataluno povas rezisti. Tiel la laboristoj fakte venas pli frue, sed la laboro pro tio ne komenciĝas pli frue ol alitempe. La tradicio estas pli forta ol la galanteco.

Du ecoj helpas al Nancy, rilati bone kun la fremdaj al ŝi homoj de Tossa: ŝi ne estas fiera kaj ŝi havas humoron. Sed ankaŭ ĉi tiu kelkfoje malprosperas; ekzemple ĉe la kataluna kutimo konstrui la domon kaj poste ĝin malkonstrui, ĉar oni forgesis meti la elektrajn dratojn. Ankaŭ al la fatala kutimo pretigi supre domon, kiam oni ankoraŭ ne havas ŝtuparon kaj eniron, ŝi ne povis amikiĝi. Ke la loĝantaro ne povas elteni guton da pluvo, tio nervozigas anglinon kutimiĝintan al malbona vetero, kaj pri la denteltiro en Barcelona ŝi scias multe rakonti. Oni devas eltiri ŝian denton. La tuta hospitalo akceptas ŝin kiel sendintinon de l' ĉielo. Oni nome havas novan operaci-ĉambregon kaj volas ĝin solene malfermi. Pro nekonataj kaŭzoj la tuta afero okazas je la dua horo mateno. Kvankam Nancy estas tute sana, oni kuŝigas ŝin sur portilon kaj je la teruro de ŝia edzo oni ŝin forrulas kiel kadavron. Ŝi ĝuste nur havas la animregon doni al li signon, ke ŝi ankoraŭ ne mortis. Bonaj homoj. Ilia »ne« diras Nancy, sonas same afable kiel nia »jes«. Ŝi amas iliajn popolkantojn, iliajn kostumojn, ilian atmosferon. Ĉiuj angloj, kiuj venas al ŝi, interfratiĝas kun la enloĝantoj. Subite diras la tuta loko: Cherio!

Ne tiel milde kiel la enlandajn hispanojn ŝi traktas la anglan publikon. Jam la prospekto de la hotelo estas tiamaniere verkita, ke ĝi devas fortimigi multajn. Ĝi metas maldiskretajn demandojn: »Ĉu vi ŝatas melonĉapelojn, servilajn servistojn, organizitajn plezurojn, tapiokon en la supo? Se tio estas la okazo, poste tuj flankenmetu ĉi tiun prospekton.« Tamen, aŭ ĝuste pro tio, venas gastoj en amaso.

Nature, en tia domo la personaro estas la ĉefafero. Kaj ĝi ankaŭ estas sufiĉe bona, ĉar Isabel, treege grasa kaj treege kapabla, estas la revo de kuiristino kaj la ĉambristino Quimeta simple estas rava. Sed kiamaniere interkompreniĝi kun ili? Kie estas la peranto? Li troviĝas. En Tossa vivas junulo, kiu estas hotelfakulo. Oni rakontas al Nancy, ke li havas postenon malbone pagatan, sed aldone partoprenon en la familia vivo. Ŝi proponas al li veni al ŝi, kaj promesas, ke li traktos lin ne kiel familianon, pri kio li tuj konsentas kun mil ĝojoj.

De nun la figuro, al kiu koncentriĝas la tuta lumo. estas ĉi tiu savanta anĝelo, la juna Walter Leonard. Ŝi nomas lin tiel en sia libro, ĉar li fakte tiel nomiĝas. Ĉarma germana junulo de plej bona edukado, instruita en la hotelfaklernejo de Lausanne, sen antaŭjuĝo, homamika kaj bona el koro, li iĝas la animo de la hotelo en Hispanujo. Li ĉion lernas, li ĉion scias, li ĉion faras, li ĉion komprenas, antaŭ ĉio la arton interrilati kun la homoj, sen klasdiferencoj, sed en ses lingvoj. Pro tio la homoj ĝoje reagas je lia nigra haro, lia ĉarma, sunbrunigita vizaĝo, liaj helgrizaj, seriozaj okuloj kaj lia ridanta buŝo. La gastoj superŝutas Nancy per demandoj pri Leo, kiel oni nomas lin mallongige, tiel ke Nancy decidas, anstataŭ ĉiam respondi, presigi afiŝon, sur kiu estas legeble: »Jes, li estas charming boy! jes, li aspektas kiel his-

---

kaj malmulte videblan mokon, ion entute malŝatan, malkonvenan.

Sed nun reprenis la parolon Koĥalov.

Koĥalov akre aŭskultis; pro la sceno kun la pomoj, proponita de la »similulo« lia aktora fantazio ekflamiĝis, kaj dum li forpuŝis la »similulon« per brutala movo de la brako, li diris al la reĝisoroj: »Brilege, jen kiel li pensas tion.« Kaj li komencis ludi al ili la scenon tiel, ke haltis al ili la koro en la brusto. Kaj kiam Koĥalov ŝvitegante subskribis la mortkondamnon, ekklakis la tuta ateliero en aplaŭdo.

La lampoj estis preparitaj. La hebreoj instruitaj. La aparatoj alĝustigitaj. La filmado komenciĝis. Koĥalov ludis la rolon de Muratov. Denove montriĝis, ke nura simileco kun ia sanga hundo diras nature nenion kaj ke necesas arto por doni la impreson de vera bestieco.

*

La iama imperiestra guberniestro Muratov prenis el la pordistloĝio sian ĉapon, salutis humile la pordiston kaj eliris en la malvarmo de oktobra tago, penege, reen en la urbon, kie li malaperis en la kvartalo de mizero. Tiun tagon li manĝis du pomojn kaj gajnis malgrandan sumon, kiu sufiĉis al li por tranokto.

El la germana: *Anna Tarantiková.*

paño; ne, li estas germano; ne, oni ne povas doni al li trinkmonon. Kie ni trovis lin? Inter kanoj.« Same granda estas lia sukceso ĉe la servistaro. Ĉe ĉiu bezono ili vokas Leon al helpo. Precipe, se estiĝas konflikto kun la sinjorino. Foje la knabinoj ĵetas kafograjnojn en la elverŝejon. Nancy diras kun okuloj brilantaj pro kolero: »Mi povus ilin murdi!« Leo tradukas hispane: »Madame estas tre malĝoja pri via malatento.« Alifoje diras Leo: »Madame koleregas pro via neatento.« Nancy, kiu ne komprenas eĉ unu vorton, dolĉe ridas ĉe lia kolero. Poste Leo germane: »Pro Dio, estu do kolerega!« Ŝi obeas kaj estas kolerega.

Tiel la idilio prenas sian daŭrigon. Dolĉe kaj hominde la estado fluas. La kulmino de ĉi tiu vivo estas koncerto de Lotte Leonard, kiu estas la patrino de Leo. Estas tre amuze legi, kiel la kantistino, kutimiĝinta muziki en la plej brilaj salonoj de Eŭropo kaj Ameriko kun Bruno Walter kaj Mengelberg, nun, en ejo, kiu estas ornamita per tufo de oranĝokoloraj maizoj, per ŝnuroj de skarlatruĝaj tomatoj kaj per brilaj bulboj, koncertas kun nekonata akompananto sur aĉa piano. Ĉiuj aŭskultantoj, infanoj, maljunaj virinoj, fiŝistoj, fruktnegocistoj, famaj pentristoj, verkistoj, ĵurnalistoj estis petitaj mem kunpreni seĝojn. Sed multaj preferas aŭskulti la belegan kantadon de Bach-arioj kaj Schubertkantoj sidante sur nukso- kaj fazeolosakoj. Nancy diras: »Se mi aŭdas kanti lian patrinon, mi komprenas, kial Leo estas tiel ĉarma.« Post mallonga tempo, en malĝoja tago, Hispanujo ne plu estas idilio. Kvankam la militbruo ne estas aŭdebla en Tossa, tamen malesperas la bona humoro, la kredo pri la certeco de la vivo. Nancy estas tre malĝoja. Sed ŝi provas konsoli sin mem: »Tiamaniere ni almenaŭ lernas vivi kiel la veraj homoj en Tossa.«

Se oni legas la libron, oni sentas la varmegan deziron, ke baldaŭ venu la paco por Nancy kaj la Tossa-anoj, la paco kiun ili kaj Hispanujo meritas kaj kiun ni ĉiuj arde sopiras. *F. W. V.*



L. Barta *Lignoskulptaĵo* (el palaco de Lillafüred)

## Aŭtuno

— M. Strümpfel —

Aŭtuno iras tra la landoj,
Brunnigran violonon ludas,
Kaj kien lude li salutas
Melankolie sonas kantoj.

Ektremas ĉiuj verdaj plantoj,
Timeme ĉiu flor' kondutas,
Aŭtuno iras tra la landoj,
Brunnigran violonon ludas.

Al liaj ŝuoj mankas plandoj,
El truoj bruna haŭto nudas,
De temp' al temp' li brandon glutas
Aŭ maĉas kernon de juglandoj:

Aŭtuno iras tra la landoj!

---

## NOVA LIBRO DE SVEN HEDIN

Kiel lasta libro en la vico de la raportoj, kiujn donis Sven Hedin pri sia granda ekspedicio tra Ĉinujo, por studi la eblojn de moderna vojlinio laŭ la fama malnova silko-strato, nun aperis la verko »La migranta lago«. En la unua libro (Fuĝo de la granda ĉevalo) Hedin rakontas detale pri la milittumultoj, en kiujn li venis kun siaj kunuloj kaj pro kio la tuta ekspedicio preskaŭ fiaskis. la dua volumo (Silkostrato) li priskribas la penadojn pro ĉi tiu. Kaj en la tria li nun montras, kian feliĉigan konfirmon trovis lia teorio pri grandega rivero kaj lago en interna Azio, supozo al kiu li venis sur la bazo de siaj esploroj kaj de surpriza naturokazaĵo. Temas pri la Lopnor, kiu estas desegnita sur malnovaj ĉinaj mapoj en tute alia loko, ol kie ĝi estis poste. Kiam Sven Hedin antaŭ proksimume kvardek jaroj provis solvi ĉi tiun geografian problemon, li trovis tute dezertan landon, tra kiu iam fluis verŝajne riverego. Ĉie ĉe tiu river-fluejo montris trovaĵoj, ke tie iam regis viva vivo. El ĉiuj siaj observoj Sven Hedin konjektis, ke ĉi tiu rivero antaŭ multaj jarcentoj, pro sia ioma sabliĝo kaj la ĉi-sekve okazinta nivelaltiĝo, serĉis novan vojon tra pli malalta tereno, per kio grandega kultur-teritorio estis forigita en alian regionon. Rivero kaj lago, kiuj ne havis aliron al la maro, tiel kvazaŭ migradis en la lando sen marbordo. Sven Hedin nun trovis surprizan konfirmon, ke la malnovaj ĉinaj mapoj raportis ĝuste; ĉar nur antaŭ kelkaj jaroj la akvoj serĉis sian vojon denove en la pramalnovan riverejon. La Lop-nor ne plu estas dezerto, sed senfina lagofaco. Kie iam Sven Hedin iris kun sia karavano per seka piedo, li nun veturis per malgranda kanoto-ŝiparo. La sekreto de la Lop-nor estas solvita.

Pri ĉi tiu malkovro la libro de Sven Hedin donas tre interesan raporton. Li rakontas pri strangaj atestantoj de malnovaj kulturoj, pri geologiaj ŝanĝoj kaj geografiaj studoj, pri strangaj renkontoj. Kiel ĉiuj libroj de la granda esploristo, ankaŭ ĉi tiu verko estas nepre leginda.

*F. W. V.*

## FILMO EN ANGLA PREĜEJO.

Antaŭ nelonge okazis rimarkinda evento en la malnova fama katedralo de Chichester en Sussex, Anglujo, nome la unuan fojon estis montrata filmo en angla preĝejo.

La prezenton aranĝis societo nomata la Religia Filmsocieto, kiu de tri aŭ kvar jaroj laboris por enkonduki bonan religian filmon en la anglajn preĝejojn.

La plej rimarkita filmo dum tiu notinda unua prezento, kiu montriĝis sukcesa, estis sveda mallongfilmo nomata »Julotta« (Kristnaska frudiservo), farita de A/B Svensk Filmindustri en Stokholmo. Tiu filmo, kiu ankaŭ en Svedujo ricevis unuanime bonan kritikon, pentras vivece la tradician frumatenan diservon en malnova sveda



E. Preis *Foto: Verzsenyi*

kampara preĝejo en la kristnaska tago. Nenio mankas; troviĝas la sledveturo kun torĉoj tra neĝokovritaj arbaroj, la lumantaj kandeloj en la biendomaj fenestroj laŭlonge de la vojo, la muĝo de la preĝejaj sonoriloj akompanata de la tintado de la ĉevalaj sonoriletoj, la lumantaj kandeloj en la kalkita preĝejo, la malnovaj psalmoj, kaj la solena seriozeco de la publiko.

La sveda produktado de mallongfilmoj, kiu dum la lastaj jaroj gajnis internacian famon, estas nun tre vigla. Inter la lastaj troviĝas, krom »Julotta«, nova filmo de princo Wilhelm de Svedujo nomata »En militŝipara havenurbo«, kiu vekis grandan intereson. La princo, kiu mem estis militŝipa oficiro, pentras en tiu filmo per bildoj kaj vortoj malnovajn kaj novajn aferojn en la sveda militŝipara urbo Karlskrona. Jam antaŭe li faris nombron da altklasaj mallongfilmoj, kiuj pentras precipe malproksimajn kaj izolitajn partojn de Svedujo kaj la vivon de la tieaj loĝantoj.

*(Sveda-internacia Gazetservo).*

## VOLTAIRE LA KREDANTO.

Antaŭ cent kvindek jaroj mortis la plej multflanka, kolose multescia, genie sprita verkisto, kies individuo kaj kies verkaro estas plena de kontraŭdiroj. Verkisto, kiu donis sian tutan individuon, sian tutan batalon kontraŭ la mallumo kaj kontraŭ si mem en sia verkaro. Libroj, kiuj kaŝas en si, laŭ unuj anĝelan, laŭ aliaj diablan spiriton kaj eble ambaŭ pravas. Voltaire vivis 84 jarojn kaj dum sia longa vivo li havis amasajn okazojn prezenti la batalon de la bono kaj malico. 3 monatojn antaŭ sia morto li skribis la jenan frazon al unu el siaj amikoj:

»*Mi mortos, adorante Dion, amante miajn amikojn ne malamante miajn malamikojn kaj malestimante ĉiun superstiĉon*«. Tiu ĉi frazo donas alikoloran punkton al la vivo de Voltaire, ĉar legante tion, ni estas vere konfuzitaj; post la antaŭajoj oni eĉ antaŭ la morto malfacile povis atendi de la pamflet-giganto ĝuste tiun ĉi frazon. La humanismo ja sendube povas danki multe al Voltaire, sed ankaŭ la malamo kombiniĝas al tio, kiel la plej diversaj gasoj, inter ili ankaŭ venenaj. Taine diras pri li, ke »li konstante eksplodas«. La ekvilibro de lia individuo estas unu el la plej maloftaj fenomenoj de la mondliteraturo, kaj sciante ĉion pri li, ĉiujn malperfektaĵojn de lia individuo, ni povas nur admiri liajn ĉiam freŝajn verkojn. Eble ĝuste tial ili restis tiom vivaj, ĉar en ili senkaŝe aperas tiu stranga, genia, sarkasma individuo, kies nomon timis kaj adoris siatempe reĝoj, kaj potenculoj, amikoj kaj malamikoj, aŭ pli ĝuste liaj amikoj, kiuj estis ĉiam liaj malamikoj kaj liaj malamikoj, kiuj — malgraŭ ĉio — restis samtempe ankaŭ liaj amikoj. Speciala ĉarmo radiis el tiu ĉi homo kaj kaptis eĉ liajn malamikojn.

Sendube Voltaire ne tro penadis prezenti sin pli bona ol li estis, sed super ĉio li estas sincera kaj super ĉio li montras sian neimiteblan, venenan satiron en la 13 volumoj de l' »Sottisier«, en tiu manuskripto, kiun oni trovis post lia morto en lia biblioteko kaj kiujn dum cent jaroj oni ne kuraĝis eldoni; en 1880. la verko aperis, sed nur en 340 ekzempleroj.

Por ilustri, kiel sprita, kuraĝa kaj sincera li estis en tiu verko, ni citas el ĝi la jenan rimarkon (estis momentoj, kiam la maljuna Voltaire ne indulgis eĉ sin mem):

— La maljunulo estas kvazaŭ vastbranĉa arbo, kiu havas nek fruktojn, nek foliojn, sed malgraŭ tio spasme kroĉas sin al la tero.

Aliloke ni legas: — La imitanto estas simila al la malbona stomako; li redonas la manĝaĵon same kiel li ricevis.

Ne estas tute sendorna la jena spritaĵo: — Abato Gravina ĉiam salutis la ĉevalojn kaj diris: »Ni ŝuldas grandan dankon al ili, ĉar sen ili ja nin jungus la reĝoj antaŭ siajn kaleŝojn«.

Eterna saĝo aperas en la jena rimarko: Julius Ceasar konkeris tricent diversajn naciojn en Gallio. Se li estus trovinta tie nur unu nacion, eĉ *unu* li *ne* estus povinta konkeri.

Pri la virinoj: La virinoj similas al la ventoturniloj, ili nur tiam trankviliĝas, kiam ili rustiĝis.

Kion diri? Mallonga artikolo ne povas doni eĉ ombron de tiu homo, kiu iam stampis tutan epokon de Eŭropo. Anstataŭ implikiĝi en la plektaĵoj de la voltera individuo, ni nur rememorigas al la leganto, ke tiu granda kaj stranga homo, kies korpa vivo estingiĝis antaŭ tri duonjarcentoj, eĉ nun estas vivanta realo. Kiel Voltaire diris pri si: »En tia malnova kastelo vagadas kelkfoje spiritoj.«

LAJOS BARTA. La nuna numero de nia revuo prezentas verkojn de talenta hungara skulptisto. La artisto, cetere frato de nia kunlaboranto, István Barta (pentroartisto) estas mem Esperantisto kaj tian fakton mi ĉiam volonte notas pri talentuloj. Lajos Barta akiris siajn unuajn studfundamentojn en la Artindustria Lernejo de Budapest sub la gvido de la fama hungara skulptartisto, Ede Telcs. Jam kiel juna art-studento li distingiĝis per la rekono kaj koncize frapanta vido de la esprimoj. En Vieno kaj Parizo li daŭrigis siajn studojn, poste li verkis amason de ceramik-figuroj en Italujo. En Budapest li partoprenis la plej diversajn ekspoziciojn kaj rikoltis amason de laŭdaj recenzoj. Lia plej granda forto estas la monumentala vido kaj la grandlinia esprimpovo. Lia monumentala fantazio neniam serĉas la ŝablonajn vojojn. La grandlinia solvo de liaj problemoj restigas liajn verkojn en nia memoro. En la ŝtata entrepreno de la Granda Hotelo de Lillafüred (Hungarlando) staras liaj tri naturgrandaj lignoskulptaĵoj, prezentantaj ĉasist-figurojn el la epoko de la hungara reĝo, Matiaso. Lia metia scio, la profunda stilkono, liaj varia fantazio kaj grandlinia, frapanta vidpovo kvalifikas lin por pluaj sukcesoj. Nuntempe la artisto vivas en Parizo, kie supozeble baldaŭ aperos liaj verkoj antaŭ la pariza publiko. *F. Sz.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 127, Lange Leemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.

Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Spikturn Internacia Instituto, **Sofio,** str. Alabin 50.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** XIX. 447, Uralské nám. Poŝtkonto; Praha 1237.

**DANUJO:** Centra Dana Esperantista Ligo, **Slagelse,** Rosengade 5

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11. La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, Riga, Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. Rotterdam W. Schiedamscheweg 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

**SVEDUJO:** Sveda Esperanto Oficejo, **Stockholm,** Bårnhusgatan 8.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.


# FILATELISTOJ!

De jaroj en mia presejo preliĝas la eldonaĵoj de LITERATURA MONDO kaj AELA, kiuj donas tiom da plezurplenaj horoj al vi. Mia privata distro estas la PM-kolektado. Mi petas la filatelistojn,

**sendu al mi P. M. el la tuta mondo**

kaj post kelkaj tagoj mi interŝ. ilin — laŭ Yvert aŭ Michel — kun Hung., Aŭstr., Ĉeĥoslov., Ruman., Jugosl. El la karaj mi petas 1—10, el la malkaraj 100.

**S-ro Dezső Dercsényi, Csányi-út 1, Vác, Hungarujo**

# SCIENCA GAZETO

Popolscienca revuo kun diversa enhavo.

Dumonata, 24-paĝa, ilustrita.

Facile legebla, eĉ por komencantoj.

Oficiala organo de Amerika Asocio por Internacia Scienco kaj Etnografia kaj Lingvistika Fakoj de Amerika Esperanto-Instituto.

Petu tuj senpagan specimenon!

Adresu

*AMERIKA ESPERANTO-INSTITUTO*

*Rockford, Illinois, Usono.*

# NOVA BULTENO

Sendependa revueto pri la Esperanto-movado.

Aperas provizore dumonate.

ENHAVAS:

La Esperanto-Movado (novaĵoj)

Recenzado de libroj.

Ĉu Vi Legis?

(Interesa elĉerpaĵoj el la Esperanta gazetaro.)

Literaturo, anoncetoj.

Nova abonanto ricevas 5-linian anonceton senpage.

Sendu vian anoncetekston.

Jarabono internacia: 2 poŝtaj respondkuponoj.

*AMERIKA ESPERANTO-INSTITUTO*

*Rockford, Illinois, Usono.*

Pro ĝia nekvieteco kaj agadmaniero MEKSIKO daŭras altiri la atenton de la mondo.

Kiu volas konatiĝi kun la deveno de tiu popolo, la kialo de ĝiaj luktadoj kaj la bazo de la nuna situacio, *nepre aĉetu la unuan meksikan libron* originale verkitan en Esperanto:

## *MEJIKO kaj KARDENAS*

de *Jesus Amaya,* dir. de la esp. gazeto »Renovigo«.

La 112-paĝa, 22-bilda libro kostas afrankite nur 0.40 USA dol. (6 resp. kuponoj aŭ egalvaloro.)

Mendoj kun la mono al

*EDITORIAL LUMEN,*

*Ap 59, Mejiko, Meksiko.*

Gazeto

# FRATECO

estas la plej malmultekosta Esp. periodaĵo!

Ĝi estas lumturo de la paco, de la vera scio, de la racia vivo kaj de la interna ideo.

Abonu ĝin

sendante en ĝian redakcion

3 resp. kuponojn aŭ egalvaloron.

Adreso:

*Gazeto FRATECO*

*Sevlievo — Bulgarujo.*

*Kompletaj jarkolektoj de maloftaj gazetoj estas vendataj*

**La Revuo** 1906—1914
Plena kolekto, 6 jarkolektoj bind. 2 jarkolektoj broŝuritaj.

**La Spritulo** 1908—1911
(Humora gazeto.) Plena kolekto, bind. en tri volumoj.

**Espero Pacifista** 1905—1908
Plena kolekto, bind. en kvar volumoj.

**Lingvo Internacia**
Multaj jarkolektoj, bind-broŝ.

**Literatura Mondo**
Unua kaj dua periodoj. En dek volumoj bele binditaj.

**Pirato** Plena kolekto, bindita en unu volumo.

**Jen** (Antaŭmilita humora gazeto.) Plena kolekto, bindita en unu volumo.

**Literaturo**
Plena kolekto, bindita en unu volumo.

*Krom la supre menciitaj, proksimume 400 jarkolektoj de diversaj gazetoj, binditaj aŭ broŝuritaj.*

Skribu al **LADISLAO SPIERER, Budapest, VI., Király-str. 90. (Hungarujo).**

**Prof. Franjo Modrijan:**

**Elementoj latinaj en Esperanto**

Studo pri la rilato de Esperanto al la latina lingvo.

Formato: 13×19 cm. 48 paĝoj.

Prezo: —.22 USA dol. + 10% sendkostoj.

Mendu ĉe:

*LITERATURA MONDO*
*Budapest, IX., Soroksári ut 38 V. 6.*

**Ferdo Delak:**

**Servisto Jernej kaj lia Rajto**

Esperantigis:
Prof. FRANJO MODRIJAN.

Dramo kolektiva, laŭ la samnoma rakonto de *Ivan Cankar.* Plej nuntempa moderna verko!

Formato: 12.5×19 cm. 28 paĝoj.

Prezo: —.22 USA dol. + 10% sendkostoj.

Mendu ĉe:

*LITERATURA MONDO*
*Budapest, IX., Soroksári ut 38 V. 6.*

ĴUS APERIS! ĴUS APERIS!

**D-ro Vallienne**

**ĈU LI**

la unua originala romano en Esperanto.

Stile reviziita de

**D-ro K. Kalocsay**

Formato 13×20 cm.
Du vo'umoj. — Entute 376 paĝoj.
Dua volumo de AELA-serio 1936/37.
Prezo: I-a vol. —'80 broŝ., 1.06 bind. + 10% sendkost
II-a vol. —.80 broŝ.. 1.06 USA-dol. bind. + 10%, sendkost.
Eldonis Literatura Mondo, Budapest, Soroksári-str. 38.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos — Pestvidéki Nyomda Vácon — A nyomdáért Bénik Gyula felelős